'aro V/IX. N-o 4-5 (52-53) Januaro-Februaro 1928




Monata Organo
de Sennacieca Asocio Tutmonda
FONDITA EN 1919

# LITERATURO

ENHAVO:



**Redakcio: 14, Avenue de Corbéra, Paris, XII-e (Francio)**
**Administracio: R. Lerchner, Colmstr. 1, Leipzig O 27 (Germ.)**

# JE LA NOMO DE L'VIVO

de E. IZGUR

kun enkonduko de E. LANTY
antaŭparolo de N. KRUĈININ,
prezidanto de l'Tutukrainia Asocio de Proletaj Verkistoj
kaj prezidanto de la Tutukraina "Proletkult"

---

**Jen kion diras la kritiko:**

"Se Izgur venus en la verkistan rondon kun tiu ĉi verko kiel unua produktaĵo de lia talento, ĝi sola sufiĉus por loki lin sur la unuan vicon de plenkonsciaj eminentuloj, sed Izgur jam donis al la homaro multajn aliajn similajn trezorojn kaj lia lasta verko estas plia ŝtupo en lia pilgrimado al la vero kaj lumo. Ĉiu fragmento de "Je la nomo de l'Vivo" valoras pli multe ol tutaj verkoj de aliaj aŭtoroj, kies plumoj bele rakontas, bele priskribas, sed nenion diras. Ĉiu frazo de Izgur estas sentenco, ĉiu lia sceno prezentas la mizeron de la homaro tiel longe baraktanta por liberigi sin de tiel diversspecaj katenoj . . ." — Saljo.

(KATALUNA ESPERANTISTO)

ENHAVO:

I. Prologo. — II. En Malproksimon. — III. Servado al la Morto. — IV. Religio. — V. Ribelo de l'konscio. — VI. Sur la vojo al venko. — VII. La venko. — Epilogo.

224 paĝoj, 100 ilustraĵoj. Bona papero, bela presado
Prezo: 2 mk. g., luksa papero 2.50 mk. g.

**Profitu la nunan favoran prezon.**
Ne prokrastu mendi la belegan volumon ĉe la Administracio de SAT:

**R. Lerchner, Colmstr. 1, Leipzig-O-27**



Prilaborita en Moskvo

# SKARLATA MALJUSTO

HENRIKO ALLARI

## 1.

Agulvilao: ruĝa kaj verda koloroj. Belturetoj. Grandfenestroj. Portalo kun ŝtupareto. Lukso kaj pompo. Feliĉaj homvizaĝoj. Ĝardeno arbabunda. Vasta korto:

Sablizita. Ruĝeflava. Glata kaj senŝtona. Ĉirkaŭata de l' ĝardeno. Apud vando de l' vilao: malgranda tabulstako.

Sub ĝia elstaraĵo: du katidoj. Viro kaj ino. Idoj de sama patrino. Katiĝintaj en sama utero. Sed nun forĵetitaj.

La viro: malblanka. Kvazaŭ genio de mallumo. Blankaj nur la pintoj de l' vosto kaj oreloj. L' okuloj ruĝnuancaj.

L' ino: griza. Surbruste lakteblanka triangulo. La piedetoj neĝeblankaj. Okuloj verdaj. Vizaĝesprimo: milda, ĉarma.

La katidoj malsatas, lacas, malsekas, malvarmas, tremas. Premas sin unu al aliu. Por varmiĝi, konsoliĝi.

Miaŭ! Miaŭ!

Panjo! Patrineto: lakton! Al idetoj viaj lakton dolĉan donu! El viaj mamoj! Kie, panjo, estas vi? Kie?...? Remiaŭu!

Sopirondoj. La katidino stariĝas. Eliras elsub la tabulstako. Timeme, malkuraĝe. La viro ŝin sekvas. Kun gambetoj kurbigitaj. Tenante sin altere.

La ĉielo nimbozas, cindregrizas. Pluveroj: cilk-colk-culk-calk! Pluvlagetoj nigrebluaj. Etegaj riveretoj. Grajnoj tra l' kribrilo nuba: pilp-polp-pulp-palp!

Malvarme: frostventas. Tremige. Hu! La virkatido returniĝas. Miaŭ! Reiras sub la tabulstakon. Kuŝiĝas sur sekaĵo. Globe kuntiriĝas. L' okulojn fermas. Rigardetas. Ekdormetas.

La ino hezitas. Rigardas malantaŭen. Pluiras. Apud la vilao. Al plibono. La kapo balanciĝas: supren-malsupren. La korpmuskoloj: streĉiĝas-malstreĉiĝas.

Duobla pordo. Antaŭ ĝi: kelkŝtupa ŝtupareto. Platŝtona. La katidino ĝin suriras. Subite:

Aŭĥ-aŭĥ-aŭĥ! Kljaf-kljaf!

La katidino: eksaltas sage. Kuras. Tutforte. Alkuras arbon. Ĉe l' kortrando. Surgrimpas ĝin. Ungokrake. Stariĝas inter du branĉegoj. Timtremas, kraĉas, grumblas. Ĝibiĝintas. Kvazaŭ eta dromedaro. La vosto: levitas alsupre. Vostharoj: hirtas, pufas.

Kuregas la hundoj — granda kaj malgranda. Precipitas al la kaŝtanarbo. Rigardas avide alsupre. Kljafante, aŭĥante.

La buldogo: suprensaltas, refalas, suprensaltas, refalas. La katidino troaltas. Ĝi ne kapablas ĝissalti ŝin. Dearbigi, disŝiri.

Kurvenas: knabo+knabino. Ruĝvangaj. La kapharoj buklozaj flirtas. Svingiĝas la velursurtuto. La jupo ĉirkaŭ la kruroj saltas: jufa-jafa-lufa-lafa!

Alarbiĝas la geknaboj. La hundojn silentigas. Tiuj alkuras. Svingas la vostojn. Ĝojsaltas. Krietas. Vinzas. La katidinon alrigardas. Bojas. Rigardas al la gemastridoj en l' okulojn. Okulpetas.

L' infanoj: for la hundojn portas-kondukas. La pudelon — en la domon. Fermas. La buldogon — en hundejon. Katenumas.

Revenas. La katidinon karesvokas. Etendas la manojn alsupre. Vokas: mallaŭte, mildvoĉe, ameme, karese.

La katidino: kontraŭ l' arbo sin frotas. Murmuras. Miaŭ! Ekgrimpas malsupren. Reiras. L' infanoj karesvokas. Senĉese. Logas. La katidino: grimpas malsupren. Malrapide, malfide.

Direktiĝas al la knabino. Kun vosto levita alsupre. Ĝibiĝinte. Murmurante. La knabino ŝin mankaresas. La dorson, voston, kapeton.

La knabo ŝin surmanigas. Levas al la buŝo. Karesflustranta. La katidino la kapon apogas al lia brusto. Leviĝanta, malleviĝanta. L' okulojn fermas. Murmuras. La voston svingas. Malrapide.

Reiro: triumfa. La pordo fermiĝas. Knare. Kaŝas la katidinon. En la vilao. Ruĝe kaj verde kolorigita.

Vespero. Lumo malaperas. Iom post iom. Nokto sterniĝas: super la urbo, kvartalo, vilao, korto, hundejo, tabulstako, homoj, hundoj, katoj. Patrina sino. Bajuŝki-baju-baju!

Mallumo. Rigardas du okuloj. Etaj, malgajaj, timozaj, dolorozaj.

2.

Infanĉambro: kvar vandoj, du fenestroj. Grandvitraj. Plafono — malnigra. Planko — linola.

Lakto. La katidino lekas. Apetite. La ruĝa langeto: el- kaj enbuŝiĝas. Gambetoj kurbigitas. Ventro alplankas. Murmur! Vosto svingiĝas. Pendole, balaile.

Spektas: la gepatroj+gefiloj. Kun ĝojo ega, ĝuo. Kiom eta! Kiom bela! Paĉjo! Panjo! Rigardu! Plej belaj bestoj: katidoj! Ĉarmaj plej!

Lakto finiĝintas. La katidino satas. Karesmurmuras. Mallaŭte. Ĝibas. Frotas sin al hompiedo. Karese, ameme.

La knabino: ŝin ekkaptas. Je l' ventro. Levas alsupre. Al la buŝo. Blovas. Buŝkaresas. Kanjo! Kanjo!

Donu, hundidino! Ĝi — mia! Ne! Jes! Ne! Kiu trovis? Alportis? Ludi! Kun katidino mia. Donu!

Perforto. Maldelikata. Aj! Aj! Larmoj. Panjo! Panjo! La knabino: kuras for. Por plendi. Faligas la katidinon. Surdorsen.

Miaŭ! Miaŭ!

Ŝnureto. La knabo ĝin posttrenas, turnas ĉirkaŭ si, eklevas alsupre. La katidino: postkuras, eksaltas, kaptas, mordas. La piedetoj fulmebrilas. Tendenoj streĉiĝas-malstreĉiĝas.

Kurado sur seĝoj remburitaj. Tabloj brilpoluritaj. Komodoj kaj kanapoj volupte-erotikaj.

Salono: velurtapiŝoj, blanko, helo, grando. Plafono — freskizita. Spegulegoj. Oraj lustroj. Ampoloj pompaj.

Mildaj sonoj de fortepiano. Fantazio. La knabo la katidinon surbrakigas. Sidas en brakseĝo. Aŭskultas, revas. La katidino en la sino: mur-mur! mur-mur!

Ekstere — grizo. Ĉielo pluvnuboza. Jes larmoj. Malbona konscienco. Venthurlado, — fajfado, — ĝemado.

Hu!

Maliĝas lumo. Araneoj de mallumo teksas retojn. Nigrajn, fortikajn. Nokto: senlima, malseka, malintima.

La homoj enlitiĝas. Ĝisrevidas. Preĝas: kara, karega Jezuo! Pardonu niajn pekojn! Jezuo kara! Matracoj, lanugokusenoj. Kiom bone, agrable! Jezuĉjo!

La katidin' enkortigitas. Vagas en pluvo, malvarmo. Plendmiaŭas. Malantaŭ la fenestroj, pordoj. Ekdormas. Malvarmo revekas. Tremigas.

Miaŭ-aŭ-aŭ . . .!

Tago: la katidino ree ene. Laca, dormema. L' infanoj ludadas, turmentas, torturas. Portas sur la brakoj-manoj. Buŝkaresas. Malpacas.

Tagnoktoj + tagnoktoj = semajnoj, monatoj. Mornaj, malserenaj. Nerevenigeblaj. La katidino jam — katino. Bela, brilhara, korpulenta, gracia, gaja.

Viro, ino kaj amo: naturo. Impotentaj ja ŝtonoj nur. Virkato kaj katino. Amindumado. Karulo! Amatino! Kopuliĝo. Ĉionforgesiga, netera.

Ok okuloj spektas. Ĝuo, hontruĝo. Kolerego pro l' aroganteco. Kurado. Hundoj! Kaptu-u! La bestaĉojn! Malĉastajn! Kaptu! disŝiru! malestigu!

Fi —.

La katino senhejmas. Peĉoza la ĉielo. Vagado. Nigra malsato. Ĉie: forpelata, batata, insultata. Hundoj bojpersekutas. Miaŭ-aŭaŭ! Knaboj ŝtonĵetas. Neniu protektas, nutras, karesas.

Miaŭ!

Blanko. Neĝeroj molaj, delikataj ŝvebas. Lanuge, kotone. Frosto krakas en palisoj, traboj. Kvazaŭ per pingloj pikas. Pinĉas.

Hu!

Kristala nokto. Senfineco. Bluo. Etera silentego. Ene: vilao malblanka. Luma kvarangulo — fenestro. Flavruĝa. Malantaŭe: Sanktega procedo. Litkrakado. Kusena monto. Incendio de volupto. Buŝo sur buŝo. Kolegoj: nigraj, harozaj. Malmolega. Premoj, retiroj. Ektiriĝoj. Ŝprucoj de spermo. Spiregado. Ŝvito. Surneĝe — graveda katino. Malgrasa, malsata, tremanta. Idoj moviĝas en la utero. Miaŭ!

Miaŭ-aŭ-aŭ . . .!

3.

Vento hurlas. Hundaro kvazaŭ malsata. Frostego rigidiga, pika. La suno bluas. Aer' — hirudo.

Hu!

Neĝareo: kadavrotuko blublanka. Prujno. Arboj — neĝuloj. Malnigraj peltoj, felĉapoj. Neĝeroj perlas. Radiludo.

Vizio morna: malblanka virkato. Senkarna, osta. Nigra malpleno en l' orbitoj. L' okuloj — ermitoj en dezerta groto. La haroj malpuras, hirtas, maldensas. Vosto balaile alsupras.

Neĝo grincetas. Rondaj piedsignoj: laktvojo. Malantaŭe — neĝoza vilao. Miaŭ-aŭ-aŭ! Trančaj malsato, malvarmego. La haroj prujnozas. Miaŭ! Intestoj murmuras. Angioj kuntiriĝas. Histoj: manĝi! manĝi!

Ĝardeno. Blankaj arboj, arbetaĵoj. Antaŭe — kaŭranta dometaĉo. Centjara kvazaŭ hundinaĉo. Lignovandoj. Etegaj fenestroj. Ŝimo kaj putraĵo.

Balaaĵkesto nigra kaj malpura. Odoraĉo aerŝvebas. Fomenta varmo. Hejmo de senhejmuloj, senmastruloj! Nutranto de malsatuloj! Varmiganto de malvarmantoj!

Ho, amik' intima!

Abundokorno, miraklolando. Nutraĵodoro: dolĉa, dia. Klupeoj putrantaj. Vermoza viando. Malfreŝaj ovoj. Ŝimozaj terpomŝeloj. Aĥ . . .! Manĝi! manĝi!

La glandoj sekrecias. Salivo fluas. Moviĝas la buŝo. Kelneroj! Kredencu! Rostaĵojn porkan kaj anseran. Buljonon. Ruĝajn, blankajn vinojn — ĉampanon, konjakon, madejron. Kukaĵojn, marcipanon, marmeladon.

Festeno. Ambrozi', nektar' enstomakiĝas. Sklavoj, premegatoj! Hejse! La lango ĝuas. Sangoglobetoj husakrias.

La stomako plenegas. Histoj lacas. Nebulo en la cerbo. Muskoloj kvazaŭ tanitas. Zumo en l' oreloj. L' okuloj fermiĝas, fermiĝas. Ĉio dancas, turniĝas.

Dormo: granda senmoveco. Pensoparalizo. Varma haladzo, odoraĉo. Sonĝoj. Forgeso de ĉio. Fantazia mondo. Ĉio abundas. Hela sunlumo. Varmo, varmego. Multe da balaaĵkestoj. Homoj ne ekzistas.

Ha!

Revekiĝo. Fia realo. Malvarmo. Kapdoloro. For de ĉi tie! En la sonĝolandon! Kie ĉio bona malmankas. Regas libereco, egaleco. Tien, nur tien!

Nokto. Blua frosto. Pala lundisko. Nigreblua neĝo. Arboj fantomas. Vilao nigras. Lacerte rampas ombroj.

Spiritotempo. Venadas: fantomoj nigraj, mornaj. Malaltaj, longaj. Per kvar gamboj. Hu! Fajrospiras. Unu-aliun flarsalutas. Interiradas. Sennote buŝmuzikas.

Hu...!

Grupiĝas. Popare: viro+ino. Vostosvingoj. Amrigardoj. Fluso de volupto. Malmoliĝas: eta, ruĝa. Vir' sursaltas inon. Ĉirkaŭprenas, ekkomencas. Kurado tra la korto, — dioj, vivistoj, kreantoj.

Vilao. Sonoj de ĝesbendo. Don Juanoj. Ujh-ajh! I-hiii! Elektraj sunoj. Ŝibero. Bostono. Fokstroto. Ĉimio. Lipĉelipo. Io en la pantalono, jupo — he! Fetoro en la buŝoj. Alpremado.

Pordoknaro. Kurado. Teruraj voĉoj. Hu! Fulmotondro de bastonoj. Ekbrilado de dentegoj. Sango, rompitaj ostoj. Vekriado. Miaŭ-aŭ-aŭ! I-hiii! A-haaa! Bruego de ĝesbendo. Freneza bakanalo.

Ve-e-e-e...!

4.

Utero — mil doloroj, pikoj. Feraj pinĉiloj. Akraj kvazaŭ vitropecoj tranĉus. Ĉio brulas — ene, ele. Nerva Radio-telegrafio. Mordado, taŭzado, tordado.

L' idoj moviĝas. Ŝiras, tiras. Penas elen. Al lumo, libereco. La gambetoj interplektiĝas. Kapetoj fleksiĝas malantaŭen. Baraktado, premado, puŝado.

Serpentumas la katino. Ĉio grizas, ruĝas, nigras. Ruĝmakuloj antaŭ l' okuloj dancas. La kapo plumbepezas. Dolorondoj ruliĝas tra l' angioj. La gorĝo brulas.

La katidoj eliĝas. Unu post aliu. Etaj, malsekaj, blindaj. Senmovas. Interrampas. Krietas. Unu-aliun puŝadas. Penas enbuŝigi la mampintojn. Maĉ-maĉ! Grimpas sur la patrinon. Falas. Regrimpas.

La pajlaĉo malsekas, sangozas. Odoraĉo aerŝvebas. Hu! Premega ĉielgrizo. Kosmaj mizerlarmoj: pulp-pulp-pilp! Mallumo, malvarmo...! Supre — suno, varmo, vasto.

Ha — —.

Duonmorto, dormo. La katin' kuntiriĝintas. L' idoj dormas. Belsonĝas. Patrino gardas, rigardas. Karese lekas, ameme.

Ho, Amo! = paradizo, suno, di-esenco.

Kreskprocedo. Putraj klupeoj, viandaĉo. Fi! La membroj kresketas. Ege malrapide. L' okuloj malkovriĝas. Gambetoj plifortiĝas. Korpo pli grandiĝas, rondiĝas, glatiĝas.

La patrino malgrasas. Senkarna kvazaŭ skeleto. La haroj hirtas. Gamboj malfortas. Vosto — nanbetulo senfolia. Mampintoj nur. Dolĉaj, bonaj mampintetoj!

Gajludado. Petolkurado. Katido kaptas katidon. Mordetas l' orelon, gambeton, voston. Patrino ĝojspektas. Pleja plezuro! Saltado, luktado.

Mur-mur!

La katino l' idojn karesegas. Nutras. Gardas. Ŝirmas. Portadas en la buŝo. Por ili vivas.

Tamen —.

Sunlumo ora. Zefir' karesa. Infanoj ludas ruĝvangaj. Sablo. Pilkoj. Pupoj. Ĉio! Vestoj luksaj. Vartistinoj. Patrino! Panjo! Kie? Ambrozi', nektaro. Ensina lulado.

Skarlata sundisko. Nur potenculoj lumatas. Justo? En la balaaĵkesto — mallumo, malvarmo, miasmoj. Kaj i l i batadas! sklavigas! malsatigas! premegas!

Kiam ni venos, Justodio? —

Fulmotondro. Nigregaj nuboj. Odoro fremda. Teruraj sonoj. Mallumiĝas l' aperturo de l' balaaĵkesto. Grumblado. Fajra bruspirado. Hu! La katidoj konsterniĝas, amasiĝas, plendmiaŭas.

Terurego.

Patrina kor'. La katino ĝibiĝas, grumblas, kraĉas. Kuras renkonte. Ungogratas. Defendi l' idetojn! Karegajn!

Ve —!

Monstro. Blekaĉas. Piedbatas. Kolerege. Nudigas la dentegojn. Mordegas! Sango. Karnoŝiras. Skuas. Rompas. Miaŭ-aŭ-aŭ! L' ostoj krakas. Sango ruĝa fluas. Haroj aerŝvebas.

La katino treniĝas al la idoj. Miaŭ! Duonmortinta. En l' okuloj — senlima am', doloro, plendo. Karnopecoj pendas. Sango. Konvulsioj. Idetoj karaj! Miaŭ-aŭ-aŭ!

Finite!

Sangorgio. La katidoj grumblas, kraĉas. Miaŭ! Miaŭ! Panjo! Patrineto! Helpu! La monstro eksaltas. Makzeloj bonfunkcias. Sangsoifo. Mortŝiratas la katidoj. Unu post aliu.

Sangoza, senforma kadavraro. La monstro rigardaĉas. Stulte. Lekas, flaras. Kaŭriĝas. Skarlataj okuloj, abomenaj. Sango-ŝmiritaj — buŝo, lango, dentoj, haroj. Freneza kontenteco.

Hu —.
Ĉio pasintas: ĝojo, doloro, suferoj, malĝojo. Komuna tombo. Patrino kaj idoj. Apude — la mortiginto stulta.

5.

For de ĉi tie! Tien, kie regas libereco! kie ĉio abundas! ne ekzistas premegatoj, sklavoj, malsatantoj! Tien!

La virkato iras. Vilao. Ĝardeno. Korto. La suno brilas ore. Fenestroj arĝente. Arboj preterstaras. Folioj konversas. Griza birdo ĉirpas. Kapti ĝin?

Urbangioj. Ambaŭflanke: buntaj skatalegoj. Rabiaj aŭtoj veturegas. La kato intere krozas. Bluokuloj elrigardas.

Manekenoj saltetaĉas. Preteriras. La katon kritimigas. Grimacaĉas. Gestas. Viroj, inoj — okulludo. Junsinjoroj, publikulinoj — imagnudigo. Almozuloj, studentoj, apaĉoj, ŝtratbuboj. Magia binoklo.

Huŝ!

Jen! Kato! Stratbuboj ekpersekutas: tempopasigo, amuziĝo. Cigaredujoj ruĝbrikaj preterstaras. La kato kuregas. Buboj krias. Uniformo voĉtondras.

Baciloj de paniko. Nigra teruro. Kaŝkurado. La suno l' okulojn blindigas. Sangoza. Domo skuas la tagmenton. Ruĝaj porkvizaĝoj. For! . . . Vojo?

Miaŭ-aŭ-aŭ!

Hundo bojas. Bubo, — dua, tria, kvara, kvina . . . Ŝtonoj flugas, insultoj. Buba rondo. Huŝ! Huŝ! Domaĉoj, korto. Vane! Miaŭ-aŭ-aŭ! Nur ŝtonoj! Kaptita! Fortaj bubomanoj. Akraj katungoj. Bra-ve!

Bubaro. Triumfa procesio. Trofeo viva. Antaŭurbo. Vasto. Miaŭ! Antaŭen, kolegoj! Sablo karnokolora. Verdpinaro.

Miaŭ-aŭ-aŭ!

Pinavino. Vastbranĉara, korpulenta. Malordinara amuzaĵo: solena katpendigo. He, knaboj! Muziku! Tamburu kaj trumpetu!

Ŝnuro. Maŝo. Branĉo. Ekzekutonto nudpieda. Funebra marŝo. Prediko antaŭmorta. Cin paradiz' atendas! Patro nia!

La kol' pretiĝas. Ĉirkaŭmeto de ŝnuro. Miaŭ-aŭ-aŭ! Ridego, ĝuo. Signalkrio. Enaerigo. La spirado haltas. Hura'-a! Brave! Nigriĝas ĉio. Baraktado. Hura'! La koro haltas. Patro, al vi mi donas mian animon!

Kadavro ŝnurpendas. Pardongrimaco. La bubaro ĝojkrias. Vent' hurletas. Korniko grakas. Hu —. La sun' orbrilas. Kadavro — enombre. Supre — lazura firmamento.

Katombro laŭkuras sablon. La gamboj kurbigitas. Blulango pendas. L' okuloj vitrecas. Justo? La kadavro turniĝas al la mortigintoj. Tie: rido, jubilado. En la mortokuloj: danko, riproĉo.

Miaŭ-aŭ-aŭ!

# *RADIO*

### S. GRENKAMP

*Radio estas ĉio —*

*Venko super spaco,*
*Venko super atmosfero,*
*Venko ankaŭ por la paco.*

*Aŭdiĝas voĉ' mia*
*Tra ĉio, tra ĉie.*
*Trakuras eteron ĝi fulme,*
*Trafluas, trasiblas.*

*Mi, atom' disigita je atomoj —*
*milion',*
*Mi trapenetras la murojn de*
*hejmoj,*
*Ĉu de riĉaj, ĉu malriĉaj,*
*Malfeliĉaj, ĉu feliĉaj . . .*

*Mia voĉo*
*Vibras, saltas, fluas, kuras,*
*Tiklas, hurlas aŭ murmuras*
*Ĉe Gangeso, Amazono,*
*Ĉe Vistulo, Volgo, Dono,*
*En Eŭropo, Aŭstralio,*
*En Afrikò, Ameriko,*
*En Azio.*

*Mia voĉo*
*Vibras, saltas, fluas, kuras,*
*Tiklas, hurlas aŭ murmuras*
*En la hejmoj*
*Ĉe student' kaj laboristo,*
*Ĉe ŝtelisto kaj juĝisto,*
*Ĉe bonul' kaj malbonulo,*
*Ĉe la pastro kaj pastoro,*
*Ĉe rabeno, kapuceno,*
*Eĉ en gaja dom' koketa . . .*

*Radio super ĉio, super ĉio!*

*Mia voĉo, voĉ', la voĉo*
*Vibras, saltas, fluas, kuras,*
*Tiklas, hurlas aŭ murmuras.*

*Mia voĉo, voĉ', la voĉo*
*Pendas alte, ĉiam salte,*
*Jen falas subite,*
*Tuŝas foliojn de l' rozo,*
*Karesas la bruston de l' Amo,*
*Ploras super la tomb' de ne-*
*konata soldato,*
*Kisas la frunton de malfeliĉa*
*infano,*
*Tremas super la malfeliĉo —*
*Mia voĉo, voĉ', la voĉo!*

*Ondoj fluas, fluas, fluas.*
*Mia vorto ne enuas.*

*Mia voĉo, voĉ', la voĉo*
*Traŝiris la tonojn de l' melodioj...*
*Frap' — flu', frap' — flu'...*
*Mia voĉo, voĉ, la voĉo*
*Trabatis la ĝaz-band-kako-*
*fonion . . .*
*Frap' —flu', frap' — flu'...*
*Mia voĉo, mia voĉo!*
*Ĝi atakas, ĝi atakas!*
*Atako, sturm', atako!*
*Ĝi atakas, ĝi atakas*
*La antenon!*

*Mi vokas, mi krias en spacon.*
*Vibras milionaj tonoj,*
*Eĥas ĉie miaj sonoj.*

*Jen mi, ĉe vi, proksime, proksime*
*Ĉe vi kaj ĉie,*
*Ĉie, ĉie, ĉie . . .*

*Nur aŭskultu, nur aŭskultu!*

*Mi diras vorton — ĝi vin atingas,*
*Ĝi vibras ĉien, ĝis la steloj,*
*Ĝis ĉieloj:*
*Pacon, pacon pacon!*

*La kredo mia estas forta.*
*Homaro ne pereos.*
*Ideo nia — jes — senmorta!*
*Neniu tion neos.*

*La kredo mia estas forta.*
*Malbono, falos, falos.*
*Radio estas senpasporta.*
*Ĝi por la bon' batalos!*

*Venkos Homo kaj ne besto!*
*Venkos Vero, for malvero!*
*Venkos Bono, ne malbono!*
*Venkos honestec', honoro!*
*For kun falsa la likvoro!*

*Serĉu, serĉu do, amiko,*
*Ondojn de la frata am'*
*Kaj aŭskultu — laŭ etiko —*
*Ondojn de la granda ĝojo, de*
*frateco kaj de l' am',*
*Ne de l' best' malbonan bojon*
*Kaj de la malama flam'.*

*Vivu ondoj, bonaj ondoj!*

*Kaj baldaŭe, vi ĉirkaŭe*
*Vidos, aŭdos, sentos ondojn,*
*Sed nur bonajn, amajn ondojn!*

*Kaj torontos tra la spacoj himno.*
*La ondoj de l' vivo*
*per pura voĉtono*
*ekregos la Spacon.*
*Himno, himno, himno!*
*Nia himno!*
*Ĉie en la mondo:*
*En Parizo, en Londono,*
*En Nov-Jorko, Barcelono*
*Kaj en Moskvo kaj en Romo...*

*Jen en ĉiu familio*
*Kreskas nia la espero.*

*Kor' parolas al la koro.*

*Jen radio-metaforo.*

Parizo, 4. 6. 1926.



# LA INSIGNO

L. IVN

"Ne el ĉiu ligno oni faras violonon." Sendube Stradivarius[1]) esploris multajn lignospecojn antaŭ li decidis pri la plej bona por sia violono. Sed tiu-ĉi maksimo estas same nova, kiel la universo. Ne miru do, ke ĝi tute forestis sub la ĉapo de juna lignaĵisto Erik Adler, kiam ies fortaj fingroj subite premis lian ŝultron. Kolere li sin turnis al nekonato, kiu duonvoĉe insiste parolis kvazaŭ ordonis:

— Ni iru... iru... jen tien... dekstren... en abian aleon!

— Sed...

— Iru!

La voĉo de l' nekonito iĝis severa kaj abrupta. Per unu mano li ĉirkaŭprenis brakon de l' junulo, per la alia li malfaldis kolumon de sia jako kaj indikis malgrandan insignon. Erik Adler ĝin eĉ ne atentis. Ja li multe legis pri tiu signifoplena, abomena gesto en diversaj modernaj romanoj.

— En premilo! — balbutis li: — en premilo! Kiamaniere ĝin malŝraubi?

Kaj liaj maltrankvilaj okuloj vigle celis diversflanken: jen al la malluma abia aleo, kien lin trenis la nekonato, jen al densaj tujoj, kiuj borderis la vojeton, jen al senmova, ŝtoneca vizaĝo de l' kondukanto. Tiu vizaĝo kun viola oblonga cikatro sur vango aspektis senkompate.

— Sed vi ne rajtas min aresti sen...

La viro haltis kaj ekridetis. Poste por unu sekundo li okulfiksis senparole ŝvelintan poŝon de Erik, dufoje kapsignis kaj plirapidigis paŝojn.

Laŭ tiu kapsigno al la poŝo Erik Adler komprenis, ke la polic-agento scias ĉion. Plu li ne penis protesti. Li sulkigis la frunton, pripensante la okazintaĵon. Kaj ĝi efektive estis malagrabla, eĉ iom maltrankviliga.

Antaŭ unu semajno en lia vivo okazis tre granda kaj grava ŝanĝo. Certe li meditis pri ĝi jam de longe, parolante kun siaj kamaradoj en la metiejo. Sed la novo ĉiam malrapide enkorpiĝas. Tiu viv-ŝanĝo rezultis el la nuntempa politika situacio de Laboristaro kontraŭ kiu la burĝaro ĉiulanda komencis novan, la plej kruelan kruc-milit-iron. La burĝaro atakis profesiajn sindikatojn, limiginte ties agadon. Ĝi aliigis elekto-rajton, preskaŭ malhelpinte al laboristaj reprezentantoj eniri la parlamenton. Ĝi plilongigis milit-servon. Ĝi subaĉetis kelkajn eminentajn, prolet-gvidantojn, kiuj sur paĝoj de ĵurnalo "Antaŭen" (ne forgesu aldoni la prefikson "mal-") kastris revoluciajn metodojn de batalo kontraŭ tiu-ĉi burĝa ofensivo. Kaj fine la imperiistoj estis malkaŝe preparantaj militon kontraŭ la unua laborista ŝtato. En tiu-ĉi danĝera kaj decida momento neniu laborulo povas neŭtrali. Kiu ne staras en unu flanko de barikado, tiu senkonscie troviĝas en la alia, en la mala.

Erik Adler ĝuste komprenis tion. Li ricevis partibileton kaj la unuan taskon: disdoni kvincent flugfoliojn inter eksterlandaj maristoj, kiuj vizitis lian hejm-urbon. La vizito de l' fremda eskadro devis montri kolosan militpotencon de l' granda mar-imperio kaj samtempe celis igi la vizitatan landon aliĝi al nova sangavida alianco.

La flugfolioj alarmis pri tiuj abomenaj celoj kaj alvokis la ŝipanojnlaborulojn kontraŭbatali ilin:

"Kiam vi ekaŭdos la komandon de viaj ekzekutistoj-oficiroj: 'Pafu!', sciu, ke la pafaĵo estas destinita por la fratoj. Do kuraĝe, senhezite returnu viajn kanonojn, kugloĵetilojn kaj fusilojn, samkiel la herooj de

---

[1]) Stradivarius — fama violon-faristo (1644—1737).

'Potemkin', samkiel la revoluciuloj de Balta Ŝiparo (en 1917), samkiel la Kamaradoj de André Marty, — kaj ekpafu al tiuj, kiuj multjare turmentas kaj torturas ĉiulandajn laborulojn.

Zorge celu, forte premu la malstreĉilojn kaj trankvile forpelu venenajn admonojn de profesiaj mensoguloj pri tiel nomata 'patri-defendo'.

Milito kontraŭ la milito!"

Erik Adler bone plenumis sian devon: ne pli ol 5 el tiuj flugfolioj restis en lia poŝo. Kiam li intencis disdoni la lastajn, la peza mano de l' policano malhelpis lin.

La agento alkondukis la junulon al malgranda ŝtona benko inter du altaj abioj, sidiĝis, ekfumis cigaredon kaj malrapide ekparolis kvazaŭ legante jurnalon:

— Erik Adler, lignaĵisto, membro de nelegala organizaĵo, studento de vespera popola universitato kulpas pri krimo, kiun antaŭvidas § 129 de Kriminala Kodo. Li estas punota per trijara enkarcerigo. Poste oni ekzilos lin al malproksima insulo, kie li restos ĝis sia morto. Dum tiu tempo lia maljunulino-patrino mortos de malsato. Dujara studado en la universitato estos senfrukta. Ĉio rezultas el lia malprudenta agado kontraŭ la ŝtata ordo.

Erik nenion aŭdis el tiu-ĉi monologo. Li kaŝis sian manon en la poŝo kaj nerveme ĉifis la lastajn foliojn. Kiam la paper-globo estis preta, li nerimarkeble enŝovis ĝin malantaŭen, en densan abi-pinglaron, kaj samtempe okulfiksis la buŝon de l' babilema agento, ŝajnigante streĉitan atenton kaj intereson.

— Jes, tiu sorto vin trafos! Kaj ne jam naskiĝis homoj, kiuj povus vin savi... Senkonscie vi agis, — konscie vi pagos.

— Mi ne havas monon... — obtuze respondis Adler.

La agento kurbiĝis, ŝtopis per la mano la buŝon, sed laŭta rido tondre eliĝis.

— Ho, kia nesperta homo vi estas! Tiamaniere oni ne subaĉetas. De nun vi kulpas pri nova krimo. Vi ricevos pro tio ankoraŭ unu jaron.

— Kial do vi min rabotas? Kion vi volas?

— Mi? Nenion! Mi nur bedaŭras vin, la junan fideman homon, kiu pereos dank' al ies kulpo. Mi mem havas filon de via aĝo.

— Lasu vian rabotilon! Tedis! Konduku min tien, kien...

— Tuj! La afero jenas: mi lasas vin libera. Vi povas reveni hejmen al la patrino kaj libroj. Mi ne estas kruela. Sed... nur vi mem povas vin savi! Mi devas trovi la veran krimulon. Helpu tion kaj estu libera. Diru nomon kaj adreson de tiu, kiu transdonis al vi la flugfoliojn. Jes, la flugfoliojn, kies specimenojn vi tiel... mallerte ĵetis flanken. Neniu ekscios pri nia interkonsento, ĉar neniu vidis nin kune. Bonvolu, mi aŭskultas.

Kaj la policano elpoŝigis not-libreton. Li metis ĝin sur la genuojn, elprenis kemian krajonon kaj ekrigardis la junulon, kiu obstine silentis.

— Pardonu, kara amiko! Ankoraŭ unu malgrandan aldonon. Admiralo Zitti promesis 500 dolarojn al tiu, kiu indikos la krimulon. Ni duonigos tiun ĉi monsumon. Ĝi ebligos al vi pli liberan studadon, ĉu ne? Kaj neniu... neniu ekscios!

En la parko regis absoluta silento. Nur kelkiam susuris arbo-pintoj, kiujn skuis malgranda suda vento. El malproksimo, eble el antaŭurbo ĝisflugis vibrantaj kokokrioj. Unu... du...

— Lia nomo... lia nomo... — Erik kvazaŭ penis rememori. La policano kurbiĝis. La krajono ektuŝis la paperon.

La junulo laŭte englutis aeron kaj abrupte finis:

— Tri . . .

— Kiu? — volis eldiri la agento, sed lia libreto kaj krajono subite falis, kaj li mem svenis pro forta manbato al la tempio.

Disŝirante sian kostumon, Erik sin ĵetis tra pikilhava verdaĵo. Li kuris kaj ĉiusekunde atentis apudan susuron. Laŭŝajne neniu lin persekutis. Evidente la bato estis forta: la policano ne vokis helpantojn.

Li venis en la loĝejon de sia amiko (hejmen iri estis danĝere) kaj tie sin kaŝis ĝis la vespero. Je la naŭa horo li vestis kostumon de l' amiko kaj sin direktis al la konspir-renkontejo por raporti pri sia agado. Li iris laŭ malhele lumigataj stratetoj, ĉiam serĉante ombron. Kelkfoje li haltis por nodi laĉojn de l' ŝuoj, kvankam ili estis premligitaj ĝuste, sed tiumomente li rigard-esploris preterpasantojn. Fine li trankviliĝis: neniu lin spionis.

Post duonhora vagado Erik eniris tabak-butiketon. Li haltis apud tablo, elektante cigaredojn. Kiam lasta aĉetanto eliris, li diris signalvorton al vendisto. La vendisto tuj malfermis malantaŭan pordeton kaj perokule signis, ke li tien iru. Erik paŝis rapide tra ĝi. Fermante la pordeton, li rimarkis novan aĉetanton, kiu staris sur la sojlo de l' butiketo. Tiu-ĉi vizitanto kun viola cikatro sur vango ekŝajnis al Erik tre konata. Ĉu li? Sed findecidi li ne sukcesis: unu parto de lia vizaĝo estis bandaĝita per tola rubando.

Adler trairis koridoron kaj puŝis pordon, post kiu deĵoris gvidanto de propaganda fako. "Ĉu diri al li? Pli bone . . ."

— Polic-agento eniris la butiketon, K-do Grajf! Verŝajne li spionis min, kvankam dumvoje mi ne vidis lin.

Erik ne finis la frazon. Grajf energie leviĝis, ion malvarman, metalan ŝovis en la manon de Erik kaj sin ĵetis al la pordo.

— Ĝi estas ŝargita!

Pasis unu, du, tri minutoj. Nenia bruo. Erik palpe trovis malstreĉilon de l' revolvero, forte ekpremis ĝian glacian ŝtalon kaj atendis. En la silento li aŭdis nur tiktakon de sia horloĝo kaj koro. Plu ne estis sonoj. Unu sekundon ŝajnis al li, ke iu nelaŭte ridas, sed tio fariĝis. Baldaŭ ekbruis pezaj paŝoj en la koridoro. Iu iris al la ĉambro, Erik saltis en angulon, dolore premis la revolveron kaj algluiĝis perokule al la pordo. Raŭke ĝi ekknaris. Aperis Grajf.

— La danĝero — for!

Erik konfuziĝis. Ĉu li eraris? Ja la cikatron li certe vidis. Eble tiu atendas sur strato aŭ estas vokanta pertelefone polic-patrolon?

— Sidiĝu, Kamarado!

Erik prenis seĝon, senkonscie altabligis ĝin, sed ne sidiĝis.

— Jen via revolvero! Prenu!

— Enpoŝigu! Ĝi taŭgos por vi. Vi estas fidinda kaj kuraĝa partiano, ĉu ne?

Li mokas min?! Ĉu mi kulpas? . . . Erik sidiĝis kaj komencis raporti . . . Grajf interrompis:

— Plenumita? Bonege! Ricevu alian taskon!

— Mi plenumis, jes! Sed min kaptis la polic-agento kaj . . . Iu forte frapis la pordon.

— Daŭrigu! — Diris Grajf, irante al la pordo.

— Kaj li . . .

— Jes, "li" — mi aŭskultas!

La pordo malfermiĝis.

— K-do Grajf, mi forgesis . . . Ha, saluton, boksulo!

# EN "KONTORO"

ŜIO TRAŬBE

En tempo, kiam impostopagado kaj klopodado pro ĝi estas ia plej grava vivparto de urbano, mia konformiĝema instinkto decidis — spite al mia malinklino kaj eble eĉ abomeno al similaj profesioj — fari el mi petskribiston kaj fondi skribejon por petoj, rekursoj kaj aliaj skribaĵoj al ĉiaj oficejoj. Tutsendube, ne ekzistas hodiaŭ la feliĉulo, kiu ne devus ĉiutage almenaŭ kelkajn horojn, gratante en sia hararo, kun sulkigita vizaĝo cerbumi pri la diversegaj depagoj kaj impostoj, per kiuj benis nin nia kara financministro, zorgoplena pri la bonfarto de la ŝtato.

— Atentu, — la instinkto konvinkis mian kontraŭemon: — vi gajnos ja multege da mono. Ĉiu burĝo devos veni al vi, mizerulo, kaj por via netaksebla petskribado, kiom ajn vi deziros, ili devos pagi. Vi nur postulu multe kaj post mallonga tempo vi povos mokfajfi la tutan mondaĉon. Se ĉiuj proletoj farus tiel saĝe, ĉiuj soci-problemoj tuj malaperus.

Tiel diris al mi la instinkto kaj mi senhelpa reenpremis la larmon, ekĝemis kaj konsentis. Do ĝoju la mizeraj impostopagantoj, ke nun feliĉe troviĝas bonkorulo, kiu por bonpago penos defendi ĉiujn protektindajn kontraŭ la troa monamo de la kruelegaj, senkoraj impostistoj. Ho, kiel treege ĉagrenigas ilin, la kompatindulojn, ke baldaŭ ili senelire devos pagi la imposton "enspezan", tuj poste senindulge la "elspezan" kaj sekve — ho, kie estas moralo, kie kompatemo! — la ĝeneralan "spezan". Ve, kaj baldaŭ venos la depagoj pli etaj, sed pikaj kaj suĉemaj: "industria", "lokala", "loĝeja" kaj fine la "havaĵa". Ho, ĉi-tiu rabema, damninda "havaĵa"! Do estu benita la noblulo skribisto. Por modesta rekompenco li ekmovos la obstinon de la impostistoj kaj vekos ilian endormiĝintan konsciencon.

Tiel mi en penso dirigis mian estontan klientaron kaj kiam paĉjo por alta pago eldonigis al si "industriateston", mi veturigis ĉi tien nian skribmaŝinon, pentris tri ŝildojn, reliefajn, kun ruĝaj,

---

La viro kun bandaĝita vizaĝo faris kelkajn paŝojn.

— Vi tre bele ornamis min, ĉu ne? Kie vi studis boksarton?

Kaj li ridante premis la manon de l' junulo. Poste li aldonis:

— Kiel pli sperta Kamarado, mi konsilas al vi, Adler, jenon: malpli legu detektivajn romanojn kaj pli atentu insignojn. Tiam vi ne estos hazarde ekzamenata de viaj samideanoj:

Kaj li forte refaldis sian kolumon kaj montris la insignon, la ruĝan stelon kun rikoltilo kaj martelo enmeze.

kiel sango, literoj, pendigis ilin, dezirante, ke ili alŝiregu ĉiujn vidivajn okulojn, kaj . . . sidiĝis.

Nu, mi sidas . . . Dum varmego ŝvitante, dum pluvo malsekigite . . . Kaj pluvegon mi havis hieraŭ, ke mi ĝin sentis en mia ĉemizo.

Mia "kontoro" estas tute ne malsimpatia. Grandeta ĉambro; gratitaj, nigriĝintaj muroj; ornamhava, sed terure malpuriĝinta plafono; brua, rompita, netolereble malebena, konstante ŝmirata, tial mortodoranta planko; du litoj, laŭlonge unu post la dua; kontraŭmure samnombraj ŝrankoj, malfermiĝantaj ĉiuhore sen ies helpo, nek bezono; per ruĝa pluŝtuko kovrita tablo kaj ĉirkaŭ ĝi kelkaj multservintaj seĝoj, parte kvar- kaj parte tripiedaj. Mi sidadas sur kvarpieda.

Jam kelkajn tagojn mi sidadas ĉi tie sur la kvarpieda kaj neniu sin montras, kiu min esperigus, ke nia negoceto iel ne tute malprosperos, ke almenaŭ por mi sola la socia problemo estos solvita. Mi konsentus jam malgrandan pagon, sed ili ne tute ignoru min, la burĝoj. Tiuj fiburĝoj evidente ne deziras la solvon de l' sociproblemo. Eĉ tiel idilian kaj leĝestimantan ne.

La mastrino, nia familianino de patrinflanko, estas ĉielgrimpe pia, sed kotrampe monama kaj polvomanĝe avara. Ŝi preĝadas trifoje en tago, krome post ĉiu manĝo, antaŭ kiu ŝi laŭrite surverŝadas siajn manojn.

Nu, mi ĉi tie ja nur sidas, kaj por ĉi tio ŝi al mi estas sufiĉe afabla. Hieraŭ frumatene ŝi eĉ regalis al mi teon. Mi, ĵus alveninta de la strato, kie trapenetre pluvegis, kvazaŭ oni verŝus el siteloj, ĝoje jesis la demandon, ĉu mi volus trinki. La demandintino verŝajne pli kontente ricevus mian respondon nean . . .

Tamen mi je l' unua eksento de l' fluidaĵo sur la lango ekkonis, ke ĝi ne estas teo sed brulbrunigita sukero. Certe, teo estas tro kara. Mi tute ne estis soifa al tiu naŭza "teo", sed — kion fari? — oni devis ne ĉagrenigi la favoran mastrinon.

— Via teo envere estas superordinare bonega.

— Jes, ĉiu, kiu trinkas ĉe mi, diras la samon.

Mi eĉ dubis, ĉu ŝi al iu regalas teon. Sukero kaj karbo ankaŭ ja estas kostaĵoj. Sed kompreneble oni devis ne esprimi ĉi dubon.

— Perfekta teo! — mi delektis min certige por daŭrigi la interparoladon, kiu ŝajnis al mi tre amuza.

— Ni havas tre bonan akvon, — modestiĝis la mastrino.

— Ne, la teo estas bonega. Ĝi certe estas de Visocki? Kiom vi pagas por ĉi teo? — mi diris bonhumore, pene enlipumante ian minimuman kvanton de l' pritemataĵo kaj fortavole detenante min de abomena ektremo.

Mia kunparolantino iomete ekklopodis, ne tuj respondis kaj post ioma medito mallaŭte kaj malcerte rediris:

— Ĝi estas nepakita teo... Je pesilo...

— Tre bona!

Kiam tamen la buŝo ne volis trinki kaj mi tede devis labori por enigi la trinkendaĵon en la stomakon, ŝi tion ĉi rimarkis kaj ĝenete ekridetis, turnante sin al mi kun riproĉo, kvazaŭ al tria persono:

— La teo al li ne gustas kaj li diras, ke ĝi estas bona... Mi estas senmaskigita!

* * *

La skribmaŝino staras ĉe la fenestro varmigata de la suno. La kovrilon mi starigis apude — eble venos tamen iu kliento, do li ne pensu, ke ĝi estas ĉi tie tute nebezona, la maŝino.

Kun la mastrino interparolas najbarino. Unu el ŝiaj infanoj, dujara knabeto kun grandaj, malsekaj okuletoj kaj plenda mieno, rampas sur la planko kaj ekhaltas ĉe la maŝinkovrilo. Li ĝin do frapas per ŝlosilo, diligente, insiste, — gratas, tiras kaj faras, kion ajn li nur povas. La patrino, ne povinte per admonoj trankviligi sian infanon, starigas sin de la seĝo, rapide alproksimiĝas kaj forprenas la malkvietigan ŝlosilon. La knabeto kuraĝe sin defendas kaj ne permesas senigi sin de lia bruilo, longe batalas kun sia panjo kaj fine venkita per maneto ekbatas sian patrinon.

— Panjon vi batos? — minace demandas la virino kaj dufoje ekbatas sian malĝentilan fileton. Ĉi tiu plorante ekkrias, kaj plorkriante komencas per ambaŭ manetoj per frapoj superŝuti sian kontraŭulinon. Kaj tiel plu. La knabeto frapas pli forte kaj panjo siajn frapojn duobligas, la knabeto ilin ankaŭ plimultigas kaj panjo refoje komencas batadi pli forte kaj pli multe.

— Panjon vi batos? — ŝi minacas kaj dume batas sian fileton tiel rapide, kiel ŝi nur povas.

— E-e-e-e-e-aĉa panjo! — plorkriegas la etulo, jam iom laca, kaj plue batas sian panjon.

— Panjon oni batas? — nun intervenas la mastrino. — Panjon oni batas? — ŝi miras ridetante, prenas la senfortigitan, ploregantan bubeton sur siajn genuojn kaj pene lin silentigas. Ŝi donas al li bombonon, kiun li per larmobrilaj okuloj ĉirkaŭrigardas kaj eksingultante enigas en la buŝeton.

— Nu, ekkisu min! — karesas lin la mastrino, substarigante sian vangon, ricevotan la kison.

Anstataŭ plenumi ĉi peton la bubeto nun refoje eksingultinte ekridas, forsaltas de la mastringenuo, ekkuras ĉirkaŭ la tablo kaj stariĝas proksime de l' mastrino, kun fingro en la buŝeto, rigardante ŝin profunde kaj silente.

— Nu, vi min ne ekkisos?

— Pisulino! — ŝin mokvokas la senhontuleto kaj denove komencas ĉirkaŭkuri la tablon.

La mastrino estas ofendita.

* * *

Dume mi legante sidas ĉe la maŝino, kvazaŭ min krom la libro nenio interesus. Peze antaŭ mi staras la skribmaŝino kaj serioza mi sidas, kvazaŭ vera skribisto.

Du aliaj infanoj de la najbarino, malgrandaj knabinetoj, staras apud mi, aferplene interkonsiliĝante kaj disputante pri la esteco de la strangaĵo, kiu antaŭ ili troviĝas tiel proksime, tiel palpeble, sed, ve, tiel ne palpende.

— Kio ĝi estas? — demandas unu kun larĝmalfermitaj okuletoj kaj la lango ekstere.

— Mi scias, sed vi ne scias — malĝene incitetas la dua kun kapeto iom flanke.

— Ĝi certe devas esti telefonilo! — dubetante aŭdigas la unua.

— Ho, telefonilo! — la dua mokas. — Telefonilo . . . — ŝi ripetas. — Ĝi estas horloĝo! — ŝi mokas plue. Ŝi estas jam sciigita de sia panjo, kio ĝi envere estas.

— Ho, horloĝo! — malkredas la unua kaj aldonas: — Horloĝo! . . . Ĝi neniel estas horloĝo.

— Sed mi scias . . . Ĝi estas por skribado . . . skribmaŝino . . . — malkaŝe elkantetas la dua kaj fanfarone kredigas: — Mi jam tie ĉi ektuŝis. Ho, ĉi tie. Vi sidas? Kiam oni ĉi tie tuŝas, tie elsaltas. Ĉu mi montru al vi?

— Nu, montru! — ne ĉion kompreninte, scivole konsentas la unua.

— Nun mi ne povos, — sonetas la apenaŭ aŭdeble elligita respondo. Ŝi timeme rigardas min kaj ankoraŭ pli mallaŭte elflustras: — Ĉi sinjoro ne permesos.

— Venu, venu, etaj! — eksonoras ordono kaj la najbarino kun siaj geetuloj malaperas.



# PRI MOROJ

MULTATULI

En Samojedio ekzistis la kutimo ŝmiri sin de piedo ĝis kapo per ranca fiŝoleo.

Juna Samojedo ne faris tion. Li tute ne ŝmiris sin, nek per fiŝoleo, nek per io alia. "Vi ne agas laŭ la moroj", — diris Samojedo, — "vi ne havas morojn ... vi estas senmora".

Tio ĉi estis dirita tre ĝuste.

Estas memkompreneble, ke la juna, senmora Samojedo estis malbontraktata. Li kaptis pli da fokojn ol ĉiu alia, sed ĝi ne utilis al li. Oni deprenis de li liajn fokojn kaj donis ilin al Samojedoj, kiuj konvene malbonodoris fiŝolee kaj lin oni lasis malsati.

Sed fariĝis ankoraŭ pli malbone.

La juna Samojedo, vivinte kelkan tempon en neŝmirita stato, fine komencis lavi sin per "eau de Cologne"[1]. Tiu bonodoreco ne estis eltenebla en Samojedio.

"Li agas kontraŭ la moroj", — nun diris la filozofo de l' tago, — "li estas malbonmora, ni daŭrigu depreni de li la fokojn kaj krome ni batu lin"....

Tio ĉi okazis.

Sed ĉar oni en Samojedio ne havis kalumnion, nek kopipatenton, nek suspektigon, nek stultan ortodoksecon, nek falsan liberalismon, nek putrintan Duan Ĉambron[2]), oni batis la pacienton per la senviandigitaj ostoj de la fokoj, kiujn li mem estis kaptinta.

El la holanda trad. G. P. de Bruin.



---

[1]) Bonodora kolonja akvo.

[2]) Popolreprezentantaro.

# AL LA VIVO

G. KARASLAVOV

De tri tagoj mi ne serĉas laboron, ĉar ne estas, kaj miaj fortoj forlasis min. Mi staras kaj pensas — nenia eliro. Estas unu "io", kiu penas trabori ian muron en la cerbo, por almiliti mian konscion, sed mi klopodas ĝin haltigi. Sed ju pli multe mi mallaboras, des pli multe mi falas en plej strangajn pensojn kaj mi sentas kiel la volo rompiĝas iom-post-iom. Finfine mi donas eliron al tiu diablo, kiu de tiom da tagoj tiel profunde kaj terure min turmentas kaj mi decidas: Mi min mortigu, mi finu unu fojon por ĉiam kun tiu mizera mondo, mi liberiĝu de tiu hunda vivo... kiel kun mi, tiel ankaŭ sen mi... Mi rezonas tiel — kaj mirige: antaŭ tre mallonge mi tremis kiel folio nur antaŭ la neklara penso pri io simila, kaj kun mi decidas kun la indiferenteco de maldelikata ekzekutisto forpreni tion, kun kio mi ankoraŭ povas disponi memvole. Sed ĉu estas ĝi necesa, por ekkortuŝi iun? Al miaj proksimuloj? Kiuj estas ili, kie ili estas? Sed superflue estas aliri similajn rezonadojn; kiu pensas pri la aliaj, pensas ankaŭ pri si. Mi ne pensas pri la aliaj, do mi forgesu ankaŭ pri mi. Mi jam havas unu celon, kiun mi sekvos firme kaj senŝancele. Ŝanceliĝi — tio signifas plimultigi la suferojn de mia korpo kaj la turmentojn de mia cerbo. Almozpeti mi ne povas; ŝteli — ho, kun kia plezuro mi ŝtelus — sed la mastroj antaŭvidis tion: ĉiuloke observas ĝendarmoj, kiuj en la nomo de la paneroj, kiujn oni ĵetas al ili de la riĉa ŝtata manĝotablo, estas pretaj fari al vi ĉion.

Mi forŝiris malgrandan kartonpecon de ĉifigita cigaredkesto kaj per firma mano mi surskribas: "Mi ne volas vivi plu sur tiu sangoplena tero, sufokigita de malsato kaj mizero." Mi eliris kaj trapasis la unuan straton. La disĵetitaj verdaj sinoj de Ljulin[1]) englutadis la sunon. Baldaŭ la lasta purpuro — viola radio deŝiriĝos kiel antaŭmorta sopiro kaj mia lasta tago estingiĝos. Apenaŭ ĉe tiu penso malvarmaj tremoj kuntiris mian korpon. Mia lasta tago! Ekrigardi la morton en la okulojn kaj ĝin saluti, scii la horon, en kiu por la lasta fojo vi eligos el la brustoj la polvoplenan aeron, kiun nur oni donas al ni abunde, — difini mem la lokon, sur kiu vi poreterne fermos palpebrojn — terura estas tio, terura kaj nepripensebla! Mi sufokis la krion de la juneco kaj komencis pensi jam, kia estos mia morto. Ĝi estos malfacila, ĉar la ŝaleto, per kiu mi ĉesigos la vivdonan fluon aeran, estas dika kaj maldelikata... Se mi havus unu malgrandan, tute malgrandan ŝnuron... — kia feliĉo, kia ĝojo! Se mi scius — mi estus ŝparinta centimon post centimo, kiam tion permesis al mi la enspezoj, por aĉeti per ili unu blankan, glatan ŝnuron...

Mi daŭrigas marŝi ŝanceliĝante, sed la malsaton mi jam ne sentas. Mi estas okupita per la lastaj impresoj, kiuj naskas abundecon de plej diversaj pensoj. Mi rigardas la altan, novekonstruatan domon, sur kiu kiel araneoj suprengrimpas kaj malsupreniras grizaj homaj figuroj kaj mi tute ne envias la pecon da pano, kiun ili certigas al si por unu aŭ du tagoj, kiel tio okazadis antaŭe. Sed mi demandas min nome, en kiu briko estas malvarmiĝinta la

---

[1]) Ljulin — monto apud Sofio. — La trad.

sanga guto da ŝvito, kiun elsuĉis el mia korpo la mastroj de tiu palaco, certigantaj min per legiono da instruistoj, pastroj kaj gazetistoj, ke tiel estis, tiel estas kaj ke tiel estos poreterne. Kaj mi miras, pro kio en la bakejoj estas tiom multe da pano, kiam mi perdas fortojn por unu malgranda peco, por unu seka peco, donita al mi ne pro kompatemo, sed meritita pro mia propra laboro.

Mi demandas min, paŝante malrapide kaj facile kiel ombro, pro kio estas la stratoj kun ardeztabuloj kaj asfalto, kiuj alkondukas al la malvarma, antaŭtempa tombo, kiam mi kun plezuro kurus sur polva intervilaĝa vojo, al la fabriko aŭ la grenkampo, kie min atendas gajaj Kamaradoj kun larĝaj ŝultroj kaj ridetantaj okuloj. Tie, en malvarmete komforta restoracio, unu dika virino mendas rostaĵon por sia hundo. Hej, mi kraĉas sur vin, sur ĉion vian mi kraĉas, ĉu vi komprenas?... Efektive mi sufokiĝas pro surda, sed profunda tusado kaj mi kraĉas sur la trotuaron. Juna knabo kun pendsako sur la dorso turniĝas kaj rigardas min malŝate. Li opinias, ke mi estas tuberkuloza kaj ke mi iras al kuracisto, envolvita en mia palto por ne malvarmiĝi. Ne, kontenta kaj senzorga infano! Mi estas kun palto, ĉar mi ne deziras, ke tiuj senkoraj kaj grasiĝintaj homoj ekridu kompate je mia ĉifonita pantalono eĉ tiam, kiam mi iras por pendiĝi sur la arbo, kiun mi konas bone. Unu pino kun dikaj, horizontale disetenditaj branĉoj, alta, silenta kaj sensenta, sed savanta pino!

Min preterflugas aŭtomobiloj, motorbicikloj kaj faetonoj. Unu ĝendarmo montras la direktojn. Hej, ĝendarmo, mi faros krimon! Mi ridas al vi, ĉar vi ne scias tion kaj ne prenas antaŭzorgojn savi la socion de unu malagrabla novaĵo: unu vagulo pendigis sin... Morgaŭ, vi faros al mi punprotokolon pro rompo de l' ordo kaj min monpunos, ke mi pendiĝis sen permeso. Monon vi ne trovos, kompreneble. Hej! Kiom kontenta mi estus, se mi povus aĉeti unu glatan, kanaban ŝnuron!...

Mi trapasas la ponton kaj deflankiĝas al la pin-arbaro. La vespero elverŝiĝas el fajraj ĉielaj kranoj kaj onde kovras la bru-zumantan urbon. La elektra ĉeno kurbiĝas malsupre kaj perdiĝas je la fino de la larĝa bulvardo. En la arbaro estas silente. Mi timigos eble iun enamiĝintan paron, ebrian je feliĉo kaj vanteco, serĉantan rifuĝejon de la malbonaj homaj okuloj. Mi supreniras malrapide, ĉar miaj kruroj tute malfortiĝis. La urbo bolas. Mi marŝas kaj serĉas en la mallumo tiun punkton, kie mi devas deflankiĝi internen, por fini kun mi. Sufiĉe; sufiĉe malproksime mi estas de ĉio, kio okaze povus malhelpi al mia projekto. Min kaptas malforta tremetado. Eble tio estas la lastaj konvulsioj de la granda soifo por vivo. Mi estas rezigninta, malgraŭ tio ke mi ne estas satigita je vivo. Mi alproksimiĝas sen timo, ĉar mi ne trovas alian eliron. Lastfoje mi turniĝas al la vipero, kiu venenis la tagojn de mia juneco; por vidi la drakon, kiu elsuĉis la sangon de mia vivo, por vidi la ĉielon, kiu elĉerpis la fonton de mia ĝojo! Mi malestimas vian hipokritan moralon, viajn krimdomojn... En mia animo ektremas la kordo de unu profunda bedaŭro, ke mi ne povos vidi la tagon, kiam vi falos en la minojn de via propra diboĉo kaj kiam sub la masko de via senhoma hipokriteco ekfloros la burĝonoj de la feliĉo kaj la bono por miaj elturmentitaj gefratoj. Morgaŭ la gazetistoj skribos: "Tion ĉi jaron la memmortigoj plioftiĝis... Hieraŭ vespere la junulo X..." Kion ĝuste ili skribos, ne gravas. Sed mi delokigos aŭ malfruigos iun reklaman anoncon por bonega faruno

aŭ ĉokolado. Mi... delokigos... unu reklaman anoncon... en viaj flavaj ĵurnalaĉoj... Ne, mi ne volas! Ĉu tio estis mia destino en la vivo krei malgrandan, gazetan sensacieton, eltiri la lastajn centimojn de miaj Kamaradoj? Mi detiriĝis konsternita antaŭ tiu neatendita ekapero de pensoj. Ia kaŝita malkovro kaptis kaj heligis mian konscion. Malantaŭen! — Neniam! Ĉu nur tie estas la vivo? Ĉu nur tie estas la homoj — bestiĝintaj, avidaj, malbonaj? Ĉu ne estas alia mondo — paca, trankvila, droniĝinta en mallumo kaj mizero, sed kontenta kaj bonkora! Tie, en ĝia brusto, dormas nemakulitaj valoroj kaj ne elmontriĝinta, nevekiĝinta povo; mi iros al ĝi kaj mi ekpetos de ĝi, ke ni dividu la turmentojn kaj la bonojn de la nigra, sklava, sed honesta laboro. Kaj poste mi rakontos al ĝi pri la simpla sekreto de ĝia sonĝo, mi enverŝos kuraĝon kaj kredon en ĝian varman kaj noblan koron, kaj fine mi montros al ĝi la malgajan fabelon pri mia vivo kaj pri la vivo de miaj fratoj, kiuj vagadas persekutitaj, malsataj kaj nudpiedaj inter briloj kaj oro, konstruas palacojn kaj dormas sur la tero sub malkovrita ĉielo. Mi al ili diros, ke ni estas samsortanoj kaj sur la vojo, laŭ kiu mi iras al ili, mi ilin ekkondukos por renovigo kaj justeco.

La espero kaj la profunda kredo je la venonta mateno de nia tago enverŝas novajn fortojn en mian korpon. Ĝis la revido! Mi preterpasis la morton por kompreni la koston kaj la sencon de mia vivo.

El la bulgara: Stebek.



# EN LA TORTUREJO DE LA FAŜISTOJ

Ni estas kvinope en la granda kuirejo. La pordo ne estas fermata, perlkurteno disigas nin de la strato.

— Giacomo! Vi povas paroli, la sinjoro venis pro vi!

Giacomo estas malgranda bruna viro. Lia maldekstra okulo estas kovrata per nigra bandaĝo.

— Mi ne scias, ĉu tio interesas vin.

— Do, do!

— Mi venis, por provi atingi Nizza-n; mi ne havis pasporton. En Mentona arestis min la franca polico kaj resendis min al Ventimiglia. Se oni trovus min ĉi tie, en Fenda, mi certe estus resendata al Firenze. Ĉu vi konas Firenze?

— Ne, — tute ne!

— Mi estis havinta tie, ĉe la administrejo malgrandan librovendejon. Mi estas socialisto. La libroj, broŝuroj, gazetoj, venditaj de mi, estis italaj, presitaj laŭleĝe en Italio. Ili ne estis "konspirigaĵoj". La vendado estis permesita. Tiel pasis du jaroj. Dum ĉi tiu somero mi estis ĉe amikoj en vilaĝo, kie mi pasigis kelkajn tagojn, nur ĝuante la belegan naturon. Reveninte, mi trovis la butikon tute intermiksita, ĉiuj gazetoj kaj libroj formis amasaĵon. Mi informis min ĉe homoj loĝantaj proksime de mi, sed ili bedaŭrinde ne povis doni al mi, ĝustan kontentigan respondon. Oni supozis, ke la afero estis igita de najbaro, kiu jam delonge envie rigardis mian butikon; ĉar li intencis pligrandigi sian cigarvendejon. Laŭŝajne li estis denuncinta min. Oni konsilis, iri al la policejo, sed mi ne povis decidi por tio.

## *Kampo da brakoj*

*N. BERENDHOF*

Faŝistoj mortpafis laboriston en terpoma kampo. (El letero.)

*La regadon de silento*
*Ĝenas ĉiu soneret'.*
*Al folioj nur la vento*
*Ŝovas sin en malkviet'.*

*De l' faŝistoj mortigita*
*Tie kuŝas li sen vort',*
*Per terpoma ŝel' kovrita*
*Brilas lia blanka korp'.*

*Tie oni lin mortigis!*
*Obtuzbruas frosta for'.*
*Larmoj nokton ne varmigis*
*Kaj ne glaciiĝis kor'.*

*Ĉu vi vidas? Diru homoj!*
*Rigidiĝis la stelar'.*
*Blekis cerbo. Kaj legomoj*
*Dancis kvazaŭ pugna par'.*

*Ĉu vi vidas? Malbenuloj!*
*Nuboj pezas ĝis la ter'.*
*El terpoma kampo blua*
*Kreskas brakoj de koler'.*

El la rusa trad. N. N.

Post kelkaj tagoj venis policistoj al mi. Domtraserĉado. Ili kunprenis valizon da libroj kaj gazetoj kaj kondukis min en la policejon, kie oni de mi faris fingrodepremon. La oficisto diris:

"Iru hejmen, sed mi nur povas konsili al vi, serĉi alian medion, ĉar la Faŝio atentas vin."

Mi ne sciis, kion mi estis faronta. Je la venonta tago mi devis malfermi mian butikon, por ke mia ĉambro troviĝanta malantaŭ

la butiko, estu lumigata. Subite eniras kvin homoj. Ĉiu havis en la mano gumobastonon.

"Ĉu vi nomiĝas Giacomo? Vi devas aperi hodiaŭ posttagmeze al ĉi tiea Faŝio."

Tri el la enirintoj foriris, la aliaj du restis por gardi min. Je la tria ili diris:

"Fermu vian butikon kaj sekvu nin."

Ili kondukis min en duetaĝan domon je la Piazza Montana. En la unua etaĝo estis granda ĉambro, kun kvin aŭ ses tabloj. Ĉe ĉiu sidis tri viroj, du faŝistoj kaj sekretario. En la mezo de la ĉambrego troviĝis dudek viroj, vestitaj per nigraj ĉemizoj, en la manoj ili tenis la fame konatajn gumobastonojn. Je ĉiuj tabloj homoj estas juĝe esplorataj.

Oni kondukas min al iu, el tiuj malgrandaj juĝistaroj. La sekretario skribas mian nomon kaj profesion sur paperfolion. Li skribas rapide, kvazaŭ tiu etiketo enuigus lin. Subite faŝisto interrompas lin kaj demandas min:

"Oni konfiskis ĉe vi konspirigajn gazetojn. Kial vi vendas ilin?"

"Tiuj estas gazetoj; permesataj laŭleĝe; la polico permesas la presadon, ili nek estas konfiskataj, nek malpermesataj."

"Al kiu vi vendas ĉi tiujn gazetojn?"

"Al tiuj, kiuj aĉetas ilin de mi."

"Vi ne havas multe da klientoj, diru al ni iliajn nomojn."

"Mi ne konas ilin."

La sekretario formetas la plumingon kaj ekrigardas min.

"Ĉu vi volas respondi — — aŭ ne?"

Neatendante respondon, li donis al mi pugnobaton sur la nazon, ke la sango elŝprucis. Mi serĉis mian naztukon, sed ne trovis ĝin. La sango gutis sur la protokollibron. Donante al mi puŝon, li diris:

"Atentu vivantaĉo!"

La faŝisto nun diris:

"Sufiĉas!"

Li fikse rigardis min, metis horloĝon sur la tablon kaj diris:

"Rigardu la horloĝon. Kvin minutojn ni atendos. Kiam vi estos dirinta post kvin minutoj nomon, nur unu nomon, vi estos libera."

En la sama momento mi ricevis baton sur la nuko, kiu duonsvenigis min. Mi vokis:

"Sinjoroj! Mi ne faris krimon, mi vendis gazetojn permesatajn. Mi estas protektata per la leĝo."

"Kreteno — —! Vi kredas, ke la gazetoj ankoraŭ estas de Nitti?" . . .

. . . Duonan horon ili piedpilkludis en ĉi oficejo. Mi estis — — la piedpilko. Volontege ili batis sur la nazon kaj okulojn. Mi estis sangumita kaj blinda. Post longe ili laciĝis kaj tiam ili kondukis min en ĉambron. Mi puŝiĝis kontraŭ tablo kaj falegis teren.

"En ĝi vi mortaĉos!"

Ŝlosinte la pordon, ili donis al mi eble dudek minutojn da tempo por pripensado. Poste ili revenis, mi ne scias kiom multaj, eble dek; tion mi konstatis juĝante laŭ la kriado. Ili estis provintaj senvestigi min, sed mi defendis min, kiel frenezulo. Venkinte, ili kunligis min . . .

"Oni pendigos vin en puton, kie vi povas preni malvarman banon!"

Tiam ili hejtis la fornon.

"Ni rostos viajn piedojn."

Sed ĉion ambaŭ ili ne riskis fari. Oni ligis min al tablo kaj plue prilaboris min per gumobastono. Mi kriegis:

"Malkuraĝuloj, ne turmentegu min. Mortpafu min."

Ili plue batis, ĉiam sur la nazon kaj okulojn. Finfine, kiam mi kvazaŭ estis ĉifaĵo kaj nenion plu diris, ili ĉesis.

"Oni kondukos vin al la policejestro!"

Ili devis min porti, ĉar ne estis eble, iri paŝeton. Tiel ni venis ĉe komisaro — — —.

"Sinjoro komisaro, ni estas Luigi Verdi kaj Secundo Mora, inspektoroj de la Faŝio. Jen estas juna viro, kiu falis de sur la ŝtuparo kaj per tio vundiĝis."

La komisaro tuj komprenis kaj daŭrigis:

"Kial vi falegis, de kiu etaĝo: Ĉu vi eble estis ebria?"

Oni arestis kaj izoligis min, kvazaŭ mi estus krimegulo. Mi frapis, bategis kontraŭ la pordon, kriegis — —.

"Mi ne povas vidi — — mi estas blinda, konduku min al kuracisto, por ke mi povu ripozi en hospitalo!"

Oni venigis kuraciston — — —.

"Sinjoro doktoro, rigardu, rigardu, — kiel oni traktaĉis min!"

La kuracisto bandaĝumis min. Mi konis lin, li estas amiko de mi. Per jenaj diroj li provis konsoli min:

"La vundoj kuraciĝos, la tempo pasos, kaj ĉio . . . aliiĝos."

Sed ankaŭ li neriskis diri tion laŭte, pro timo je sama — — — travivaĵo.

Daŭris dudek tagoj por savi mian dekstran okulon, la maldekstra estis — — — perdita.

Kiam mi iomete estis resaniĝinta kaj estis kapabla iri, li konsilis al mi:

"Forvojaĝu kiel eble plej baldaŭ, por ke vi ne travivu la saman ankoraŭfoje, ĉar la Faŝio ne rapide forgesas iun!"

Tradukita el "Einigkeit" de Erich Haseloff (5827).

# LA POLITIKAJ RIFUĜANTOJ

MI-KAJ-ŜI

Barakoj staras tute forlasitaj apud grandega municia fabriko, ĝi jam de post la revolucioj ĉesis funkcii. La altaj kamentuboj ne plu fumas, la fajfegoj ne sonas, mortanta estas ĉio. Tiu ĉi grandega arsenalo, kiu dum la mond-milito al ĉirkaŭ 20 000 gelaboristoj donis viveblecon kontraŭ la fabrikado de mortigiloj, hodiaŭ ne estas vivkapabla, ĉar anstataŭ la fabrikado de pafiloj, kanonoj, granadoj kaj kugloj — plugilojn, maŝinojn, vestojn, meblojn kaj utilaĵojn ĝi devus produkti. Do ĝi staras parte ruiniĝinte, kiel pratempa fortikaĵo, kiel invalida soldato.

Kaj en la barakoj, kiuj servis dum la milito, kiel magazenoj por militiloj, hodiaŭ homoj loĝas ilin. Strangan aspekton havas la tuta barakaro, flanke malpura strato baras ĝin, antaŭ ĝi ruinaĵoj de aliaj barakoj, kiuj jam estas dekonstruitaj, aŭ la vetero disigis ilin, kaj ĉirkaŭ ĝi altaj kamentuboj, fervojoj kaj fabrikaj konstruaĵoj. La tuta distrikto lokiĝas en la ekstera parto de granda mondurbo, kie la vivo, la fiburĝa kapitalista vivo, sinbanas en oro kaj pompo. En silko kaj en pelto volvite, tra brilaj stratoj, per modernaj aŭtomobiloj, oni rapide forveturas al baloj, teatroj kaj al aliaj amuzejoj. La butikoj plenigitaj estas per la plej delikataj kaj bonaj luksaĵoj, manĝaĵoj, vestoj kaj ĉio-ĉio, pri kio oni nur sonĝi povas.

Antaŭ la tro ŝarĝitaj montraj fenestroj, ĉifonvestitaj proletoj ekstaras; iliaj okuloj brilas de la febro, kiun la long-taga, eĉ monata malsatiĝo faras. Ili nur rigardi povas kaj bonapetite engluti — la deziron — poste plu iri por rigardi. Irante surstrate, preskaŭ post ĉiuj cent paŝoj invalidoj kuŝas, staras aŭ sidas sur la frostiĝanta trotuaro. La brakojn ili petante tenas al la fiburĝaro: "Mi petas vin, sinjoraj moŝtoj, donu al mi nur groŝon." La bruston de la alia ordenoj ornamas kaj tabulo surskribita: "100% milit-invalido." Alialoke: "Patro de ses infanoj." Multaj renkontiĝas tra longaj stratoj similaj vivantaj bildoj. Dume la luksaj veturiloj forkuras dekstren — maldekstren, la pompo kun la mizero neeldireble floras, miksite kun la internacia kokotaro (publikulinoj). Ja estas nun moderna epoko, demokrata regado kaj XX-a jarcento! Inter la du milionoj da loĝantoj, kiujn havas la mondurbo pli ol 180 000 laboruloj senlaboras.

Putriĝas la kapitalista mondo.

Kaj tra la barakoj traventas la malvarma vento. Sidante en ili, la politikaj rifuĝantoj scivole atendas la tagojn: — "Eble io okazos — kaj ni denove estos tute homoj, kaj ni denove povos iom home vivi." Ilin forpelis ilia konscio, ili volis plibonon, ili kuraĝe agis, laboris por la estonto, por la efektivigo de la socialismo, kaj jen, por savi la vivon de la morto kaj sufero aŭ de la fiblankaj reakciaj karceroj, ili falis en grandan mizeron. Tamen ili nur forton kolekti, nur iom ripozi volas, por la novaj bataloj.

Ni vizitu ilin... Decembra tago, sufiĉa malvarmo... Je ĉirkaŭ la 10-a horo antaŭtagmeze, tra malbona pordo, kiu neniam estas ŝlosita, ni venas en la plej grandan ĉambron. Strangan odoron ni ekflaras, ankoraŭ neniu ellitiĝis, ja malvarmo estas kaj manĝi oni devas, se jam ne kuŝas. Etaĝaj litoj, kiuj kutimis esti en kazernoj, kovriloj vintraj, surtutoj kovras ilin, preskaŭ neniam vivosigno... Sur la malpuraj muroj de kiuj la kalko jam grand-parte defalis, bildoj estas videblaj: de Marx, Lenin kaj de aliaj revoluciaj laboristar-gvidantoj, en la angulo polviĝantas ruĝa standardo kaj simpla forno. Nur iufoje deprenas iu sian kapon desur la kovrilo kaj ni povas konstati, ke jes — ĉi tie homoj loĝas.

Nia kunulino ekploras... Estas grandega mizero. Sur la tablo, kiu staras en la mezo de la ĉambro estas troveblaj nelavitaj manĝaĵujoj kaj panrestaĵoj.

Subite ĉarma infana voĉo disrompas nian mediton. Ĉirkaŭrigardante ni konstatas, ke en la mezo de du kunmetitaj litoj infano sidas — kovrita per vestaĵoj. Ne konsciiĝinta pri mizero, malvarmo, ĝi ludas ĉarme, kiel senkulpulo. Ĝi eble estas 10—12 monataĝa kaj, malfacile liberiginte sin iom de la kovriloj, ridetante kaj ameme ĝi rigardas je ni. Iom malantaŭe, apud la infano, juna virino, havanta nigrajn brilantajn okulojn, ĉirkaŭrigardas kaj gasteme parolas al ni, rekovrante la infanon kaj nomante ĝin "Botka".

Ni nenion komprenas, ni klopodas trovi iun, kun kiu ni povas interkompreniĝi. Dum tiu ĉi tempo jam preskaŭ ĉiuj vekiĝis kaj dekovris la kapojn kaj ni povas rimarki plej diversajn homojn. Junaj kaj maljunaj estas tie ĉi: bulgaroj, jugoslavoj, hungaroj, poloj ktp. Ili rigardas nin mirante kaj esplorante, preskaŭ ĉiuj konstatis: jes, ni estas novaj loĝantoj.

Post la oficiala akto ni ricevis la litojn kaj ni klopodis foriri kaj vespere reveni. Dum sufiĉe longa tempo ni loĝis en la barako n-o 6, kaj ni povis tre multe sperti kaj pensadi pri niaj vivoj.

En la najbaraj kabinoj loĝas familioj, kiuj jam de pli longa tempo rifuĝis, nur nia ĉambro estas por la novaj, por la nuntempe rifuĝantoj. En nia ĉambro, en kiu ofte loĝis 15—22 personoj, preskaŭ ĉiutage oni alvenis kaj foriris. Neforgeseblaj okazintaĵoj okazis, precipe kiam kunbatalantoj, el plej diversaj lokoj renkontiĝis kaj povis iom paroladi pri la estinteco. La disiĝoj ankaŭ estis tre doloraj kaj frataj, ja ni neniam scias, ĉu ni renkontiĝos ie iam aŭ ne.

Tagoj, eĉ semajnoj pasis unu post la alia, kaj ni hardiĝis, plioferemiĝis por niaj aferoj, la plej diversajn aferojn el diversaj lokoj ni povis ekscii, kaj ni ĉiuj sciis, kie kaj kiam ni malĝuste agis kaj pro kio ni hodiaŭ estas tie ĉi.

La gepatroj de Botka estas el Balkana lando, la lastaj tieaj okazintaĵoj forpelis ilin el la trankvila hejmo kun la suĉinfano, ili estis instruistoj en malgranda urbo. El inter la 120 revoluciantoj nur ĉirkaŭ 28 restis en vivo, la aliaj jam mortis aŭ ili estas en karceroj. La aliaj Balkanaj Kamaradoj pro similaj aferoj rifuĝis, postlasinte hejme familion, infanojn kaj edzinon tra landlimoj, montoj, arbaroj kaj riveroj, ofte sen dokumento por savi la vivon, por prepariĝi je novaj bataloj. Ili ĉiuj estas kleraj inteligentaj proletoj, en kies konscio tre profunde estas enĉizita la konvinkiĝo, la laboremo, la sinoferemo por la socialismo.

Aliaj Kamaradoj devenas el ĉirkaŭdanubaj landoj. Multjaran karceran vivon ili spertis kaj saviĝon per forkuro, ofte saviĝon de la morto. 15-jara puno en terura karcero, poste forkuro sesope, tra la plafono kaj tegmento, erarigo de la gardistoj, malsupreniĝo de tri etaĝa alteco per ŝnuro, farita dum longa tempo el kovriloj kaj ĉifonoj, timplena iro preter la gardistoj kaj policistoj, tra mallumaj stratoj, kaj poste kuregado tra kampoj... el inter ili unu K-do estis kaptita, kaj la fibuĉistoj tuj mortbatis lin, por la aliaj sukcesis la forkuro. Alia juna malalta homo rakontis, kiel antaŭ liaj okuloj la mondfamaj mortigistoj mortigis lian patron en karcero, per la plej sovaĝa maniero. Tra la gorĝo de la vivanta patro la fibuĉistoj tratiris kablofadenon, poste sekvis la sankta "Bartelomea" nokto kaj matene multe da kamaradaj kadavroj restis sur la "scenejo". Ili estis mortigitaj plej diversmaniere. Poste la vivrestintoj — inter ili ankaŭ la filo de la mortigita patro — devis depurigi la tutan koridoron, kie la buĉado okazis. De la muroj ili devis deskrapi la sango-restaĵojn kaj forigi la kadavrojn, multajn tute dispecigitajn. Post iom da tempo li mem staris jam apud la pafmuro, nur momento kaj li jam nevivus, sed tamen malgraŭ ĉio hodiaŭ li estas inter ni.

# AGITISTO ĤISMETOV

VL. ELAGIN

La suno subiras. Akvo de larĝa rivero Shir-Darja ŝajnis malvigli. Ĝi kunmiksiĝis kun torentoj de roz-flava, likvida sukceno, kiu fluis de l' ĉielo.

Sur alia riverbordo rokhavaj, tute senarbaraj montoj tranĉis per siaj akraj pintoj la velur-bluan ĉielon.

Nevidebla kamela karavano ie, malproksime sonoris per kupraj sonoriletoj, kaj kamelisto-uzbeko monotone, langvore kantis nekompreneblan por mi kanton.

— Kion li kantas, tiu kamelisto — min turnis mi al Ĥismetov.

— Kion li kantas? Tio . . . kiel diri? . . . li vidas belan knabon — do li kantas la knabon, li vidas folion fali de l'arbo, li kantas ĝin . . . Ĉion, kion li vidas — tion li kantas.

Al mi tre plaĉis tiu simpla kanto, ĝi simplis, kiel torenta murmuro, kiel venta spiro. Bele!

— Ĉu vi konas, — subite ekridetis Ĥismetov, — mi mem kantis tiamaniere: delonge jam mi kantis — kiam knabo mi estis. Fruktojn — mi vendis: vinberon, abrikoton, persikon. Kiam ĉio estis vendita, mi iris hejmen kaj same kantis ĉion.

— Kiamaniere vi, komercisto, fariĝis komunisto? — Kontraŭvole ridetante mi demandis lin.

— Kiamaniere? Nur unuan fojon mi estis vendisto, alian fojon — mi estis kamelisto, poste — mi purigis botojn, ankoraŭ poste — laboristo mi estis en muelejo ktp. Kaj mi pensis, — multe pensis: kial unu homo ĉion havas, kaj la alia — nenion? Se tie vi pensas, bolŝeviko baldaŭ vi fariĝas. Mi eniris la partion kaj ĉien veturadis: en Fergan, Semireĉja, Samarkand. Ĉie oni min konas. Diru nur: Ĥismetov.

Ĥismetov ne fanfaronis: efektive li estis tre populara inter turkestanaj indiĝenoj.

---

Kaj la turmentegoj kaj suferoj, kiujn ili plejparte travivis, ne eligis iliajn konvinkiĝojn, sed iliaj pugnoj kuntiriĝas, se pri la estonteco estas la diskuto. Kaj ili ĉiuj, la tuta ĉambro, venĝon ĵuras kontraŭ la nuna sociordo. En iliaj koroj flamas la batalemo, venki aŭ morti por la proletaria estonto. La mizero, la sufero nur pliribeligas ilin kaj la longaj tagoj en la barakoj servas por lerni kaj forton kolekti por la novaj bataloj, kiuj pli bone devos sukcesi, por ke plu neniu el inter ni devu rifuĝi.

Dum la malvarmaj vintraj matenoj la "Internacio" sonas el proletaj buŝoj: bulgaraj, jugoslavaj, hungaraj kaj polaj kaj tri esperantaj voĉoj alhelpas por vere internaciigi la batalkanton:

— — — "Kaj la Internacio triumfu en tutmond'!"

— En Fergan mi estis, — edzinon mi prenis. Ŝi estis juna, tute malsaĝa knabino. Kaj nun — rigardu! — Ĥismetov fiere min okulfiksis kaj kontente ekpinĉis siajn blu-nigrajn lipharojn kaj akrepintan barbeton.

— Kio do? — scivolemis mi, — ĉu vualon ŝi demetis?

— Vualon? — demandis iom malŝate Ĥismetov kaj tremigis la ŝultrojn. — Pri vualo ni eĉ ne parolu: jam ĉiuj delonge ĝin demetis. Komunistino ŝi estas — jen kio. Nun en Taŝkent ŝi laboras. Du filojn ŝi naskis. Ankaŭ ili estos komunistoj.

Ĥismetov tion diris sen ia fanfarono, li diris kun tiu firma certeco, kiu kontraŭvole devigas pensi, ke tiel ĝi devas esti, nur tiel, ĉar alio neeblas.

Steliris nokto — neaŭdeble kaj rapide.

— Ni iru, — diris Ĥismetov, — ni iru: oni verŝajne jam kunvenis.

Por mallonga tempo ni alveturis al Mankent: sekvantan tagon ni devis veturi al regiona centro — Samarkand. Vespere ni devis paroladi en mitingo, kiun aranĝis loka partia komitato.

Ni leviĝis kaj apenaŭ sukcesis foriri de l' rivero, jam estis tute mallume. Kiam ni venis al loko de mitingo, ni ekvidis, ke oni nin atendas. Granda placo antaŭ somera teatro estis plenokupita de publiko.

Nin ĉirkaŭis serioze-severaj, brunaj vizaĝoj en neĝoblankaj "ĉalmoj". Eŭropanoj preskaŭ forestis.

Sekretario de loka komitato, juna alta uzbeko, en eŭropa kostumo kaj en eta, gracia, blua ĉalmo, nin renkontis kaj amikece ridetante, akompanis tra homamaso — al teatra podio.

Mi rapide finis la paroladon kaj cedis la lokon al Ĥismetov.

Firme li ekpaŝis sur la podion, por unu momento li haltis, senmovis, poste skuis la kapon kaj komencis paroli.

Lia parolado estis tre forta, — ĝi influis eĉ min, kiu tute ne konis tjurkajn vortojn. Kaj aŭskultantoj-indiĝenoj preskaŭ malviglis. Ili dum la parolado estis senmovaj. Ilin regis streĉita, muta atento.

Tondra voĉo de Ĥismetov, liaj liberaj, belaj gestoj, vera, senfalsa, arda entuziasmo, vervo — ĉio montris, ke li estis neordinara oratoro. Li havis maloftan kapablon — kunglŭiĝi kun aŭskultantaro, sugesti siajn sentojn, dezirojn, volon al ĝi.

Mi estis mirigita, emociita. Kiam Ĥismetov eksilentis, kaj tondro de aplaŭdoj tremigis l'aeron, mi eksentis malĝojon, kiu ĉiam okazas, kiam foriĝas de ni io bela.

Ĥismetov apenaŭ trairis bruantan, emociplenan amason da blankaj "ĉalmoj" kaj diverskoloraj "ĥalatoj". Li venis al mi.

— Ĉu bone? — demandis li, ridetante, kiel ĝojigita infano.

Responde al tio mi silente forte premis lian manon.

Elrusigis: Vs. I.

# "APOGO DE LA MALFORTULOJ"

N. M. ĈERNAVSKIJ[1])

En nia revolucia epoko, kiam en la vivon de la musulmanoj larĝonde enfluis nova materialisma mondkoncepto kaj kiam la kulturo de tjurko-tataroj komencis esti kreata sur tute novaj bazoj (precipe en Sovet-Unio), pli kaj pli estas forlasata la religio kun ĝia superstiĉo kaj multaj religiaj "animsavantaj" libroj perdas sian aŭtoritaton kaj sian antaŭan signifon por la tjurko-tataroj.

Kiel disvastigantoj de superstiĉoj kaj de mitologia mondkoncepto, tiuj ĉi libroj ne plu estas uzataj en la popularaj bibliotekoj kaj lernejoj.

Sed en la sfero de la scienco kaj el la vidpunkto histori-literatura kaj etnografia, tiuj ĉi libroj kompreneble konservas sian tutan valoron kaj meritas studadon, kiel raraj kaj tre valoraj monumentoj de literaturkreado de la tjurkoj kaj kiel dokumentoj pri skolasta kaj malklera superstiĉa mondkoncepto ilia dum la antaŭrevolucia epoko, tre karakterizaj kaj kolorplenaj en komparado je la moderna mondkoncepto scienca kaj kultura.

Tie ĉi estas trovebla tre abunda kaj valora materialo ĉu por literaturhistoriisto kaj lingvisto, ĉu ankaŭ por propagandisto de la novaj ideoj — per trafa komparigo de ili kun la antaŭaj superstiĉoj kaj malklereco.

El la vidpunkto histori-literatura precipan atenton kaj intereson meritas la fundamenta libro: "Siabat-ul-aĵizin" (Apogo de malfortuloj).

Sub tiu ĉi arablingva titolo estas konata la versa verko en antikva tjurka, pli precize ĉagataja (nun uzbeka) lingvo, apartenanta al la plumo de musulmana mistikulo Sufi-Allajar' Mitkalia aŭ Bukara, skribita de li en Bukario en la lasta kvarono de la XVII-a jarcento.

Sufi-Allajar', naskita en vilaĝo Mitkali, Samarkanda distrikto, pasigis pli grandan parton de sia vivo en Bukario, estante ŝejko de mistika ordeno Nakŝibendi, fondita de la fama Bagantdin (en la fino de XIV-a jarcento). Poste li pilgrimis Mekon rondvoje tra Kazanjo, el tie li vizitis Aleksandrion kaj mortis plej verŝajne en Bukario en 1713, estante naŭdekjaraĝa.

Krom "Siabat-ul-aĵizin" Sufi-Allajar' verkis: "Maslak-ul-muttakin" (Vojo de la piuloj), "Murad-ul-arifin" (Celo de la dikonceptantoj) kaj "Magzan-ul-mutigin" (Trezoro de la diobeantoj); ili estas verkitaj perse. Plej konata el ili estas la unua, doninta ĉefan enhavon ankaŭ por "Siabat-ul-aĵizin". Oni supozas krome, ke Sufi-Allajar' estas aŭtoro ankaŭ de "Fauz-ul-nadŝat" (Akiro de savo), eldonita ankaŭ perse en Konstantinoplo.

La verko "Siabat-ul-aĵizin", konsistante el 1630 bejt-oj (versoj) aŭ pli ĝuste el 3260 misrag-oj (duonversoj), dividiĝas je du malegalaj partoj, esceptante la ĝeneralan enkondukon, kiu, laŭ kutimo de la musulmanoj malnovtempaj, entenas glorigon al la kreinto, himnon al Mohamedo kaj klarigas la celon de la libro plifirmigi la hezitantojn pri la religio (62 bejt-oj).

Plue, la parto unua, konsistanta el 474 bejt-oj, rakontas la dogmojn de Islamo en ortodoksa spirito. Kaj la dua parto, ampleksanta 1094 bejt-ojn, entenas konsilojn kaj edifojn en mistik-asketa spirito.

En tiu ĉi lasta parto temas pri akiro sur la mistika vojo aŭ t. n. tarikato, pri malproksimiĝo de la laika mondo, pri subiĝo de sufio (musulmana mistikulo) al sia ŝejko; pri luktado kontraŭ volupto, fiereco, monavido k. c., pri memedukado en spirito de humilo, fideleco, kredo al dio ktp.

---

[1]) La artikolo estas verkita speciale por "S. R.".

Fincelo de tiu ĉi mistik-asketa doktrino ("tassavvuĥ"), saturita de panteismo, estas ke sufio fariĝu "fani-fi-allagi", t. e. enprofundiĝu nirvanon kaj kuniĝu diecon.

Tiuj ĉi edifoj koncernas ĉefe sufion, kiu dediĉis sin al speciala servado al dio kaj al foriĝo el la mondo; sed ili estas devigaj kiel idealo ankaŭ por ĉiu ortodoksa musulmano.

La verko "Siabat-ul-aĵizin" estas verkita per tre bonaj versoj kun zorge faritaj ritmo kaj rimo, en la formo "mufa-galatun", ripetata trifoje en ĉiu misrag-o. Teknike tiu ĉi ritmo estas nomata "basit" (simpla).

Literatura valoro de "Siabat-ul-aĵizin" estas tre alta. Ĝiaj kvalitoj estas: lakoneco de la lingvaĵo kaj aforismeco de la ideoj, farantaj kelkajn versojn sentencoj; riĉeco de metaforoj kaj komparoj kaj precipe abundeco de lingvaj kalamburoj (taĵnis-oj aŭ ĵinas-oj) — pro kombino en unu propozicio de vortoj similaj skribe, sed diversaj sence (iufoje ankaŭ prononce), kaj pro sprita uzado de vortoj el diversaj dialektoj kaj idiomoj, kio ofte devigas pripensi interpretmanieron de la vortoj aŭ eĉ permesas diversan komprenon de la legita teksto.

Tiaj kvalitoj faras la verkon "Siabat-ul-aĵizin" interesa kaj meditiga dum legado jam pro la formo kaj tekniko de la skribaĵo mem, el kiu flanko ĝi laŭ nia opinio neniam perdos sian signifon kaj ĉiam estos raviganta la tjurklingvanojn kaj la eŭropajn orientistojn, havante karakterizon jam sur titolpaĝo de l' antaŭaj eldonoj kiel "libro interesa kaj havanta altan celon".

Kvankam malnoviĝinta laŭ sia temo kaj lingvaĵo, "Siabat-ul-aĵizin" estas atentinda ankaŭ pro tiu fakto, ke ĝi estis famekonata kaj larĝe disvastigita inter la musulmanoj de Centra Azio kaj Rusio en la antaŭrevolucia tempo. Ĝi estas kreaĵo kaj reflektaĵo de sia epoko — kun ĝia skolasta tendenco en la scienco kaj religia kutimaro en la vivo, tutplene okupintaj la moraron kaj mondkoncepton de la antaŭrevolucia musulmanaro.

Laŭ sia enhavo la libro estis komplete respondanta al la bezonoj de sia epoko kaj de certa medio, ĉar — dum la tjurkoj tiam ne havis popularan dogmaron, ekzistintan nur en araba lingvo — ĝi estis ebliganta mallonge kaj kompreneble en facile memorebla formo de versoj studi la tutan musulmanan doktrinon pri religio kaj moroj.

En multaj musulmanaj mekteb-oj, antaŭ kiam la tjurkoj ekhavis la t. n. novan metodon ("usul-ĵadid") en la fino de XIX-a jarcento, "Siabat-ul-aĵizin" estis studata parkere, simile al katekismo en la ekleziaj lernejoj kristanaj.

Pri signifo kaj valoro de la libro "Siabat-ul-aĵizin" oni povas juĝi jam laŭ tio, ke kiam aperis en urbo Kazanjo Azia presejo, malfermita en 1800 de Al. Buraĉev, ĝi baldaŭ — en 1802 — inter unuaj kaj tre malmultaj musulmanaj verkoj trafis sur presstablon kaj de post tiam dum daŭro de pli ol jarcento estis kelkdekfoje reeldonita.

En 1846 prof. Kazem-Bek komentis la eldonon per klarigaj vortoj sur la marĝenoj, tradukinte tataren la nekompreneblajn esprimojn en la teksto.

* * *

Al la pli granda populareco kaj disvastiĝo de la libro "Siabat-ul-aĵizin" inter la tjurko-tataroj multe akcelis komentaroj kaj tradukaĵoj de tiu ĉi libro, plikomprenebligintaj ĝin kaj kaŭzitaj de la jam notita de ni fakto, ke ĝia teksto estas abunde saturita per diversaj alilingvaj vortoj, ĉerpitaj el araba kaj persa lingvoj, per malnovaj nomoj ne plu uzataj en la vivanta parolo

kaj ankaŭ prenitaj el lokaj dialektoj. Ekzistas ankaŭ en ĝi multaj malfacile kompreneblaj komparoj, aludoj (precipe en la enkonduko) kaj mistikaj terminoj.

La unua komentaro estis farita en la fino de XVIII-a jarcento en araba lingvo de Abdul-Raĥim Utuz-imani sub ĝenerala titolo "Ŝarĥa" (t. e. Komentoj) pri "Siabat-ul-aĵizin", sed ĝi restis manskribita kaj ricevis kelkan disvastigon per kopiado. Granda musulmana scienculo, historiisto kaj teologo Morĵani menciis tiun ĉi komentaron kiel bonan, sed samtempe rimarkigis kelkajn erarojn laŭ sia vidpunkto en la dua volumo de sia verko "Mustafad-ul-ahbar", pĝ. 239—290.

Poste en 1807 mulao Taĵutdin Jalĉigilov, deveninta el baŝkiroj kaj mortinta en vilaĝo Imanli en 1847, verkis popularan komentaron pri "Siabat-ul-aĵizin" en tatara lingvo sub titolo "Risala-i-Hazizia" (Epistolo de Hazizia) por honoro kaj laŭ nomo de sia filino; tiu ĉi titolo estas tamen tradukebla ankaŭ alimaniere: "Alta epistolo".

Laŭ sia karaktero tiu ĉi komentaro prezentas el si liberan refrazigon de la tuta teksto de "Siabat-ul-aĵizin", verson post verso, kun kelkaj komentoj kaj edifoj en diversaj okazoj, akompanataj per traduko al tatara lingvo aŭ iufoje al araba de nekompreneblaj vortoj kaj leksikaj kalamburoj, kaj ankaŭ per klarigo de retorikaj figuroj kaj metaforoj.

En kelkaj okazoj, pro cito de diversaj personoj aŭ objektoj, Taĵutdin recitis Koranon aŭ tutajn epizodojn el la sankta aŭ eklezia historio musulmana kaj ankaŭ diversajn priskribaĵojn el la sfero de naturscienco, medicino, mitologio ktp. — ĝenerale ekstreme superstiĉajn kaj fantaziajn, eĉ sovaĝajn, ekz. je priskribo de serpentoj, kiuj atinginte miljaraĝon transformiĝas al junaj homoj (en la ĉapitro "Pri kompatemo al kunvojaĝantoj", pĝ. 234—235).

Ĉiuj ĉi strangaĵoj estis prezentataj de Taĵutdin kiel aŭtentaj faktoj kaj en tiu formo lia komentaro ricevis karakteron de edifa krestomatio, fariĝinte valora dokumento por atesti, en kiom malalta kulturnivelo de la mondkoncepto vivis tiu reprezentanto de la scienca mondo musulmana.

De post 1848 "Risala-i-Hazizia" estis preseldonata kaj ricevis uzadon kiel lernolibro pri religia dogmaro en kelkaj tjurko-tataraj mekteb-oj kaj medres-oj — tipaj musulmanaj konfesiaj lernejoj. La scienculo Marĵani menciis la komentaron de Taĵutdin sufiĉe negative, kiel enhavantan krudajn erarojn.

En komenco de la XX-a jarcento aperis nova komentaro pri "Siabat-ul-aĵizin" en tatara lingvo sub titolo "Irŝad-ul-aizin" (t. e. Gvidilo por la bezonantoj), kompilita de Salaĥutdin Salimov (el vilaĝo Kurani) kaj konsistanta el preskaŭ nura refrazigado de la verko kun klarigo de la alilingvaj vortoj kaj leksikaj kalamburoj.

Tiu ĉi komentaro, sufiĉe proksima al "Risala-i-Haziza", estas verkita jam en moderna literatura lingvaĵo kaj teknike estas pli perfekta: la vortoj estas interdividitaj, ĉiu bejt-o estas presita novalinee, la komentoj estas apartigitaj de la teksto mem kaj la ĉapitroj dislimigitaj (en la antaŭaj eldonoj de "Risala-i-Hazizia" ĉio estis presita seninterrompe krom rondaj parentezoj por la ĉefa teksto kaj titoloj). En 1911 aperis nova dua eldono de "Irŝad", 228-paĝa.

Ekzistas ankaŭ komentaro pri "Siabat-ul-aĵizin" en turka lingvo, verkita en la jaro 1252 de post Heĝiro.

* * *

Malgraŭ sia famkonateco kaj literatura valoro, "Siabat-ul-aĵizin" de Sufi-Allajar' ĝis nun restas tradukita nek al rusa lingvo, nek al aliaj eŭropaj lingvoj. Nur kelkaj citaĵoj el "Risala-i-Hazizia" estis lokitaj en "Informoj pri Korano" kaj "Suplemento al rusa traduko de Korano" de G. Sablukov kaj en "Eksperimento rakonti la mohamedan doktrinon laŭ la instruo de ĥanifitoj" de A. Leopoldov[1].

* * *

Por pli bone konigi "Siabat-ul-aĵizin", ni citu tie ĉi specimenan tradukon de fragmento el la ĉapitro "Pri fideleco je promesoj" kun kelkaj mallongaj komentoj de la teksto. Kvankam granda parto de la ĉapitro prezentas nenion specialan ĉu laŭ enhavo, ĉu laŭ formo, tamen ĝia fino eliminiĝas per tre originalaj belaĵoj, eblaj nur en arablingva skribliteraro.

Pri fideleco je promesoj

1. Venu, ho fidelulo! Ĉar vi jam deklaris pri via veremo,
   Ĝis la morto mem ne rompu vian promeson.
2. Rompanto de la promeso estas la plej malbona el la homoj:
   En tiu ĉi kaj en estonta mondo li estos kapturnita.
3. Antaŭ la homoj li estos senparola,
   Kaj antaŭ dio ankoraŭ pli malbone.
4. Se vi rompas la diritan vorton,
   Forĵetu de vi la nomon de viro.
5. Kufo de servistino estas pli bona ol via turbano,
   Kiel malesto estas pli bona ol via ekzisto.
6. Eĉ ne singultu pri afero neebla por vi
   Kaj ne diru ke vi ĝin faros, dum vi fari ne povas.
7. Sed se la vorto eliĝis el buŝo, ne palpebrumu,
   Eĉ se pro tio foriĝi povus kapo via.
8. Promeso de la viro devas esti precize plenumita de li, —
   Kontraŭokaze vi ŝiru konfidon al li!
9. Sciu certe, ke por firmeco de irbastono
   La viroj prenas ĝin al sia dekstra mano.
10. Precipe la personoj kun pozicio estu ĝustaj en la parolo:
    Ĉu estas iam malrektaj la pilastroj de la moskeo?
11. Pri homo perfidanta sian vorton la honestaj homoj
    Diras, ke li kvazaŭ reentrinkas sian vomaĵon.
12. Kiu purema homo trinkus sian vomaĵon!
    Dum vi vivas, ankaŭ vi ne reprenu vian promeson.
13. Kaj se tamen vi ŝiros nodojn de vortoj viaj,
    Vi povos disŝuti ankaŭ viajn kolektitajn rozarierojn[2].

Plue, en la versoj 14—25 estas citata rakonto pri Izmaelo, filo de Abrahamo, nomita pro sia honesteco "Sadik-ul-vagdi" (Fidela je promesoj), kaj estas sciigata epizodo el lia vivo, kiam li promesis al sia kunvojaĝinto,

---

[1]) En 1896 N. M. Ĉernavskij, kun helpo de instruita mulao P. N. Aĥmerov, faris la rusan tradukon de "Siabat-ul-aĵizin" kun ampleksa komentaro, sed en 1920 tiu ĉi granda laboraĵo pereis en Orenburgo. En 1902 en "Orenburgskaja Gazeta" n-o 1500 aperis artikolo de N. Ĉernavskij pri "Siabat-ul-aĵizin" kun traduko de unu ĉapitro el ĝi "Pri la mondo tentloganta". Nun la rusa traduko estas refarata.

[2]) La razario estas uzata de sufioj je eldiro de "zikr", t. e. en multfoja ekprononco dum preĝado de la vortoj: "Allah", "Guva" (Li) ktp.

bezoninta foriri por mallonga tempo, atendi lin ĉe la vojo — kaj li atendadis en tiu loko tutajn sep jarojn, ĝis la kunvojaĝinto, forgesinta pri la promeso reveni, okaze retrafis al la loko.

Laŭ simila mirinda speco estas citataj ankaŭ aliaj rakontoj, ĉerpitaj plejparte el malnovega verko ankaŭ ĉagatajlingva "Kisas-ul-anbija" (Rakontoj pri profetoj) de Rabhuza (1310—1311).

26. Kun tiu, kiu estas malfidela al sia promeso,
Vi eĉ ne aspiru aminterligon.

27. Ne kredu al liaj paroloj, saĝulo,
Eĉ se li ĵurus pri ili.

28. La homo, kiu rompas la vorton, ĉu li ne pereigas ja ankaŭ la kredon?
Kun tia persono ne faru kontrakton.

La versoj 29—30 entenas originalan metaforon. bazitan sur la aspekto de arabaj literoj "elif" (rekta kaj alta simile al "l") kaj "nun" (kurbigita simile al "s"), uzitaj krome en spritaj kombinoj kun aliaj literoj kaj en la vortoj kontraŭsencaj en ilia simbolsignifo.

Ĝuste tia fidela kaj firma en la vorto homo estas similigata al la litero "elif" en belsenca vorto "ĵan" (animo), estante en la mezo mem de la vorto. Tiel estas donata la ideo, ke tia homo estas rekta kaj estiminda inter la homoj, kvazaŭ en ilia animo. Kaj la homo malfirma en la vorto kaj kurbanima estas metita en la vorton "kan" (sango), kiu estas malpura laŭ la kanonismo de la musulmanoj, kaj ĝuste en ĝian finon (laŭ komento de Taĵutdin).

Ankaŭ la literoj "ĝim" kaj "kaf", kiuj staras en la komenco de la vortoj "ĵan" kaj "kan" — laŭ la komento de Taĵutdin — estas uzitaj de Allajar' kun certa kaj sprita celo pro ilia simbola kaj kabala signifo. Ambaŭ ĉi literoj estas konsiderataj kiel kontraŭsignifaj unu de la alia kaj estas uzataj kondiĉe por figurigi polusecon, observatan en la naturo kaj en la genio de la homa spirito: "ĝim" signifas pozitivan elementon (bono, lumo, varmo, vireco k. c.) kaj "kaf" — negativan (malbono, mallumo, malvarmo, virineco k. c.). Tutan ĉi simbolizon Taĵutdin pruvas per ekzemploj, ĉerpitaj el kosmografio, astronomio, fiziko, geometrio, logiko, geomantio kaj sufiismo, indikante, en kiu signifo kaj senco estas uzataj tiuj ĉi literoj en ĉiu scienco kaj kvazaŭscienco.

Tia kabala ekvilibrismo estas tre karakteriza kaj instruiva, demonstrante, en kiajn densarbarojn de "saĝeco" engrimpas iufoje la teologiemaj skolastuloj kaj kvazaŭscienculoj. Cetere, laŭ la mencio de alia komentisto Sallah-Salimov, tia kazuisma klarigo de la citita verso, kiun faris Taĵutdin, ne havas ian ajn utilon kaj signifon. El la vidpunkto de racio, ĝi certe devas esti komprenita tiel, sed aliflanke oni devas konsideri ankaŭ tion, ke Allajar' mem sendube aranĝis tiun komplikan ludon de vortoj, literoj kaj konceptoj kun certa intenco, konforme al la interpreto kaj elĉifrigo farita de Taĵutdin.

Ne superfluas rimarkigi, ke en kelkaj manskribitaj kopioj kaj preseldonoj la dua duono de la 30-a verso estas legata iom alimaniere. Anstataŭ "kan" staras "Kaf" — nomo de mitologia monto (kutime identigata kun Kaŭkazo), kaj tiam "nun" estas komprenata ne en la senco de liternomo arabalfabeta, sed kiel fiŝo "Nun" (baleno), kiu subtenas la Teron laŭ la musulmana kosmogonio. Laŭ tia teksto la traduko signifus, ke la malfidela homo trafos sub la monton Kaf, kiel la fiŝo Nun (t. e. li kvazaŭ trafalos sub teron) . . Sed tiu ĉi variaĵo devas esti forĵetita, kiel ne koincidanta kun la kunteksto kaj kiel ne sufiĉe sprita, precipe en komparo kun la teksto indikita pli supre.

El la ruslingva manuskripto trad. N. Nekrasov.

## Tarifo de Sennacieca Revuo

(La unua nombro montras jarabonon **por membroj de SAT**, la dua en krampoj montras la jarabonon **por nemembroj**. Ni ankaŭ akceptas **¼-jaran abonon**)

**Argentino, pes. 2 (3); Aŭstrio, ŝil. 4 (5); Belgio, belgo 3 (4); Brazilio, milrejs. 5 (7); Britio, ŝil. 3 (4); Bulgario, lev. 100 (150); Ĉekoslovakio, kr. 20 (25); Danio, kr. 3 (4); Estonio, mk. 250 (300); Finnlando, mk. 25 (30); Francio, fr. 15 (18); Germanio, mk. 3 (4); Hispanio, pes. 4 (5); Hungario, peng. 4 (5); Italio, lir. 15 (20); Japanio, jen. 2 (2,50); Jugoslavio, din. 40 (45); Latvio, lat. 3 (4); Litovio, lid. 6 (8); Nederlando, guld. 2 (2,50); Norvegio, kr. 3 (4); Polio, zlot. 5 (7); Portugalio, esk. 12 (15); Rumanio, lej-120 (150); Sovetio, rubl. 1,50 (2); Svedio, kr. 3 (4); Svisio, fr. 4 (5); Usono, dol. 1 (1,50).**

Presejo: Uns-Produktivgenossenschaft, Leipzig (Germanio)